11

AŬSTRIA



# ESPERANTO-REVUO

*Oficiala organo de la aŭstria Esperanto-movado*
*Offizielles Organ der österreichischen Esperanto-Bewegung*
*Aperas ̃monate*
*Redakcio kaj administracio: Vieno I., Neutorgasse 9, Aŭstrio. — Telefono U 20-3-51*

*NRO 1-2*
*2-a JARO*
*JANUARO-FEBRUARO 1947*

## EL LA ENHAVO:



## LASTA INFORMO:

La aŭstria ministraro je la 11a de Februaro 1947 aprobis proponon de la trafikministro Übeleis, ke la aŭstriaj reprezentantoj ĉe la Universala Esperanto-Kongreso en Bern transdonu inviton, aranĝi Esperanto-Konferencon 1948 en Vieno.

*AUSTRIA ESPERANTO-REVUO oficiala organo de Austria Esperanto-Federacio kaj de Austria Esperanto-Instituto*

Adreso: Wien I., Neutorgasse 9, Austrio

Abonprezo: Jarbono aŭstr. ŝil. 10.— aŭ 1 dolaro aŭ egalvaloro.
Por membroj de AEF senpage.

# Esperanto kaj radio

horindikoj laŭ mezeŭropa tempo

| | | |
|---|---|---|
| Dimanĉo | 21.00—21.30 | Praha (Ĉehoslovakujo). 49.92 m. Politikaj, kulturaj kaj ekonomiaj informoj. Radiostacio, Stalinova 12, Praha XII. |
| Lundo | 12.30—12.40 | PRG2 (Brazilio). 104 m. Poresperanta parolado. |
| | 21.00—21.30 | Praha. 49.92 m. (kiel je dimanĉo). |
| | 22.10—(?) | Warszawa III (Polujo). 49.06 m. Politikaj informoj Pola Radio, Warszawa, Koszykowa 8. |
| | 22.50—23.00 | Praha. 470.2 m. Prelegoj, intervjuoj, teatraj scenetoj, kantoj kaj informoj pri la Esperanto-movado. Radiostacio, Stalinova 12, Praha XII. |
| Mardo | 19.50—20.00 | Sofia (Bulgarujo). 32.9 m. Prelegoj. Radio Sofia. |
| | 21.00—21.30 | Praha. 49.92 m. (kiel je dimanĉo). |
| | 22.50—23.00 | Moravska Ostrava (Ĉehoslovakujo). 325.4 m. Informoj. Radiostacio, Moravska Ostrava, Bráfova 5. |
| Merkredo | 06.35—06.45 | Wien I (Aŭstrio). 506.8 m. Esperanto-kurso. |
| | 21.00—21.30 | Praha. 49.92 m. (kiel je dimanĉo). |
| Jaŭdo | 18.40—18.45 | Wien II (Aŭstrio). 228.6 m. Esperanto-programo. |
| | 18.55 | Bern (Svisujo). 47.28 m. Federalismo kaj Paco. Paroladetoj de D-ro Privat. Societo Svisa de Radiodissendo, Bern. |
| | 21.00—21.30 | Praha. 49.92 m. (kiel je dimanĉo). |
| | 22.50—23.00 | Praha. 470.2 m. (kiel je lundo). |
| Vendredo | 19.50—20.00 | Sofia. (Bulgarujo). 32.9 m. Prelegoj. Radio Sofia. |
| | 21.00—21.30 | Praha. 49.92 m. (kiel je dimanĉo). |
| | 21.30—21.45 | B.N.R.O. Kortrijk (Belgujo). 202.3 m. Parolado. Zender Kortrijk van de B.N.R.O., Rijselstr. 36, Kortrijk. |
| | 22.50—23.00 | Moravska Ostrava. 325.4 m. (kiel je mardo). |
| Sabato | 15.00—15.10(?) | B.N.R.O., Brussel (Belgujo), Kurso. N.I.R., Esperantokursus, Eug Flageyplein, Elsene-Brussel. |
| | 20.00—20.45(?) | PRA 2 (Brazilio). Paroladoj pri Esperanto. Ministerio por Edukado kaj Saneco, Placa da Republica, Rio de Janeiro. |
| | 21.00—21.30 | Praha. 49.92 m. (kiel je dimanĉo). |
| | 21.00—21.30 | PRI 3 (Brazilo). 49.75 m. Paróladoj pri Brazila vivo. „Brazila Kroniko", Radio Inconfidência, Belo Horizonte, Minas Gerais. |

Laŭ „Esperanto Internacia".

AŬSTRIA
ESPERANTO-REVUO

2-a jaro JANUARO / FEBRUARO 1947 n-ro 1—2

# En la novan jaron

Ree finiĝis jaro. Ni tuj diru, ĝi ne plenumis la esperojn, kiujn ni portis en niaj koroj fine de 1945. Kelkajn iluziojn ni devis entombigi. Ankoraŭ ni malsatas kaj frotas niajn manojn en nehejtitaj ĉambroj, ĉar karboj fariĝis neatingeblaj objektoj. Nia respubliko ja estis liberigata de la aliancanoj je la faŝismo, sed post preskaŭ du jaroj nia lando ankoraŭ ne estas libera. Kaj ni ne estas liberaj civitanoj, sed devas obei la ordonojn de la kvar militistaj administracioj. Tiaj estas koncize skizite la ĝeneralaj cirkonstancoj.

Kaj kiel aspektas la Esperanto-movado post paso de 1946? Ankaŭ tiurilate ne povis plenumiĝi ĉiuj niaj projektoj pro la alluditaj cirkonstancoj en Aŭstrio, kiuj ege malfaciligas ĉiupaŝe la agadon kaj propagandon por Esperanto. Ni diru malkaŝe, ke niaj kursoj ne estas tiel bone frekventataj kiel en aŭtuno aŭ vintro 1945. Tiam sidis la lernemuloj eĉ kun malplenaj stomakoj en malvarmaj instruĉambroj esperante, ke baldaŭ venos pli bonaj cirkonstancoj kaj la entuziasmo ne tiom sentigis la malsaton kaj malvarmon. Sed tiu espero bedaŭrinde montriĝis iluzio kaj ni nun devas sperti la efikojn de tio ankaŭ en nia movado. Kvankam do la menciitaj kaŭzoj ĝenerale ne estis favoraj por vastskala propagando, en la interna agado de nia movado ni tamen atingis atentindajn sukcesojn.

Ni pensu pri la dekreto de la ministro por instruo, per kiu Esperanto estas oficiale enkondukita provizore kiel nedeviga lernobjekto en ĉiuj publikaj lernejoj de Aŭstrio. Al tiu grava sukceso aldoniĝas la dua per la restarigo de la ŝtata ekzamenkomisiono por Esperanto. Sed tiujn sukcesojn devas nun vivigi antaŭ ĉio la esperantistaro mem. Ni varbu, por ke la infanoj vizitu la Esperanto-kursojn en la lernejoj, kie tiaj okazas kaj ni funde studu la lingvon kaj preparu nin por fari ŝtatan ekzamenon.

Ankaŭ nian organizon ni povis plukonstrui spite de multaj malfaciloj kaj fiere ni povas konstati, ke AEF kreskis laŭ la E-grupoj kaj membraro. La ekstera signo por tio estas nia revuo, kiu helpe de

komuna kunlaboro nun povas aperi en pli plaĉa formo kaj pli granda amplekso ol la antaŭa informilo. Ke la revuo provizore ne povas regule aperi, ne dependas de nia volo kaj kapablo, sed estas kondiĉita de la enkonduke skizitaj ekonomiaj cirkonstancoj. Mankas ne nur la necesa paperkvanto, sed krome la sufiĉa elektra fluo por povi konstante funkciigi la maŝinojn en la presejo. Tial ankaŭ ĝis nun ne povis aperi diversaj libroj kaj legaĵoj tiom dezirataj de la esperantista legantaro.

Tion konstatinte ni nun turnu nian rigardon en la novan jaron. En 1947 okazu laŭeble nia 1-a landa kongreso en urbo de federacia lando. Per tio estu esprimite, ke la aŭstria Esperanto-movado ne nur estas afero de Vieno, kie estas la sidejo de la organizo, sed ke la grupoj en la federaciaj landoj estas same gravaj kaj same egalrajtaj. Ni esperas povi baldaŭ definitive konigi la nomon de la landa kongresurbo kaj la detalan programon de la aranĝo. Tial preparu vin jam nun en ĉiuj grupoj en Vieno kaj en la federaciaj landoj, por ke ĉi tiu kongreso estu bonege vizitata. Kune kun nia landa kongreso ni ankaŭ festos la 60-jaran jubileon de Esperanto. 1947 do estas samtempe jubilea jaro en Esperantujo.

En Aŭgusto 1947 okazos la 32-a Universala Esperanto-Kongreso en Bern, en kiu espereble plenumiĝos la delonge esprimita deziro de la esperantistaro pri kunfandiĝo inter IEL kaj UEA en unu granda internacia Esperanto-movado. Bern do povas esti la elirpunkto de nova, pli fruktoporta tutmonda movado, al kiu partoprenos certe ankaŭ AEF, ĉar el celkonforma agado de la unuiĝinta internacia Esperanto-movado ankaŭ multon profitos la landaj Esperanto-organizoj.

Ni do vidas, ke malgraŭ diversaj malhelpoj naciaj kaj internaciaj, Esperanto tamen marŝas kaj ni ne havas kaŭzojn por dubi pri la fina venko de nia ideo, se unueco regas sur organiza bazo de la esperantistaro kaj ĉiuj kunlaboros por la fincelo sendiference de la politika, ekonomia aŭ religia mondkonceptoj.

Certe, la granda malagrabla sento, kiu iras tra la mondo kiel postefiko de la militego ankaŭ respeguliĝas en la Esperanto-movado. Sed malfaciloj kaj malhelpoj ekzistas por esti venkataj. Tial per nova espero, per freŝa kuraĝo ni iru en la novan jaron kaj antaŭ niaj okuloj flirtu la verda standardo de Esperanto, kaj admonu nin la grandioza ideo de nia majstro persisti en nia agado kaj sekvi lian modelon.

**Rimarkigo:** En n-ro 5/1946 de Heroldo de Esperanto aperis artikolo de juda-pola esp-isto titolita: „Nia rilato al germanaj esperantistoj". En ĉi tiu artikolo la anonima aŭtoro respondigas la germanajn kaj ankaŭ la aŭstriajn esp-istojn por la krimoj faritaj de la nacisocialistoj kaj pledis por tio, ke la esp-istaro ĉiulanda ne plu interrilatu kun germanaj kaj aŭstriaj esp-istoj, dirante: „Anoj de la murdista familio ne povas esti niaj samideanoj." Honore al la samideanoj ĉiulandaj estu konstatate, ke venis al la redakcio de Heroldo multaj protestoj kontraŭ tio el diversaj landoj.

Responde al ĉi tiu malsamideana artikolo ni represas la suban artikolon el „Sennaciulo" n-ro 9/1946 de E. Lanti, kiu montras la pli objektivan opinion de la konata, sennaciece pensanta verkinto pri la alludita problemo. — La redakcio de AER.

# Kiel naskiĝis kaj disvolviĝis la faŝismo?

El diversaj fontoj mi eksciis, ke eĉ inter esp-istoj troviĝas uloj, kiuj malamegas senescepte ĉiujn germanojn; sekve, eĉ siajn „samideanojn" el Germanio. Evidente tiaj malamantoj ne kapablas kompreni, kial la demagogaj naci-socialistoj sukcesis influi la menson de la plimulto el la germanoj.

Unue, konvenas ne malatenti la fakton, ke la iniciatinto de l'faŝismo ne estis la aŭstro Hitler, sed la italo Musolini. Kaj kial li sukcesis akiri la regadon en Italio?

Por ĝuste respondi tiun demandon, necesas memori, ke en la unua mondmilito Italio — kaj Japanio — estis alianciĝinta kun Britio, Francio ktp. Sed en la packontraktoj ĝiaj petoj estis grandparte malatentataj, kaj pro tio okazis granda elreviĝo ĉe la itala popolo.

Ne eblas en ĉi tiu artikoleto mencii la petojn de la itala registaro tiama. Sed sufiĉas scii, kaj ne forgesi, ke Italio estas superloĝata lando, malriĉa je naturaj krudaĵoj. Oni prezentu al si, ke 45 milionoj da italoj devas vivi sur areo je 312.000 kvadrataj kilometroj. Aliflanke, nemalatentenda estas la fakto, ke en multaj ne dense loĝataj landoj estas starigitaj limigoj al la enmigrado. Tial Musolini havis tre bonan grundon por sia agitado.

Nu, Germanio same estas superloĝata: tie 70 milionoj da homoj disponas malpli grandan teritorion ol la 42 milionoj da francoj.

Similan konstaton oni povas fari pri Japanio kaj el tio nepre deduktiĝas, ke tiuj 3 superloĝataj landoj pli bezonas koloniojn ol Brito, Francio kaj Usono. Kiam senantaŭjuĝe oni frontas al tiuj faktoj, tiam klare aperas unu el la ĉefai kaŭzoj de la naskiĝo kaj elvolviĝo de la nigra, bruna kaj flava faŝismoj. Kaj mi estas firme konvin-

kita, ke se ekzistus en la t. n. landoj demokrataj similaj kondiĉoj, tie ankaŭ aperus demagogoj el la speco de Musolini kaj Hitler, kiuj sukcesus akiri la regadon.

Estas mensoge aserti, ke la germana, itala kaj japana popoloj pli militemas ol aliaj. La Historio male pruvas, ke dum la lastaj jarcentoj la nacioj, kiuj plej ofte militis estis Britio kaj Francio.

— Sed Belgio kaj Nederlando estas ankaŭ superloĝataj landoj kaj tamen tie ne ekregis faŝistoj . . .

— Jes, sed la unua landeto posedas en Afriko kolonion je 2.385.120 kv. kilometroj, kaj la dua, koloniojn je 1.900.000 kv. km. en Oriento...

Kaj kiam oni prezentas al si, ekz-e, ke tuta kontinento, kiel Aŭstralio, havas nur 8 milionojn da loĝantoj, tiam oni povas facile kompreni, ke tia nenormala stato, kompare al Eŭropo, Ĉinio kaj Japanio, entenas militĝermojn.

Neniam regos daŭra paco sur nia planedo ĝis ties naturaj riĉaĵoj estos dispone al ĉiuj teranoj senescepte; alivorte, ĝis ekzistos mondmastrumado, t. e. sennacieca mondo.

Povas esti, ke eĉ inter la SAT-anoj estas kelkaj, kiuj malamas la germanojn. Se ili troviĝas en Holando, ekz-e al tiuj mi diras: „ĉu do vi ne scias, ke same indonezoj malamas la holandanojn?"

Almenaŭ, koncerne min, se iam mi havos denove la okazon kontakti kun malnovaj SAT-anoj el Germanio, estas tute certe, ke tiam kun granda ĝojo kaj forta emocio mi premegos al ili la manojn . . .

E. Lanti.

# La vojo de libereca standardo

Estis la tagoj de novembro 1936. La urbo Madrido,, pere de la urbestro transdonis trikoloran respublikan standardon al la 11-a Internacia Brigado kaj ordonis, ke ĉi tiun standardon ĉiam havu tiu bataliono, kiu sin distingis en la defendo de Madrido. Tiel migru la standardo de bataliono al bataliono kaj restu ĉiam ĉe la plej kuraĝa. En la gravaj bataloj ĉe l'Ebro la aŭstria bataliono ricevis tiun standardon kaj ekde tiam ĝi estis la standardo de la aŭstrianoj.

Kiam la hispana respubliko estis venkita de faŝista armilsupereco, kiam germanaj kaj italaj aviadiloj kaj kanonoj detruis la lastan reziston de la heroaj hispanaj respublikanoj, ankaŭ la aŭstriaj volontuloj venis kun sia standardo al Francio.

Komencis nova epoko. Zorge kudritan en mantelo, batalanto transportis la standardon al Francio. Sed baldaŭ la germanoj invadis Fran-

cion. La standordon oni devis savi kaj virino transprenis ĉi tiun taskon. Inter du litkovriloj kudrita, kovrita per blua silko, la standardo transformiĝis al sendanĝera litkovrilo. La intenco estis lasi la standardon dum danĝera tempo ĉe familio. Sed jam antaŭ la trovo de taŭga loko la kovrilo estis kelkajn tagojn en nia loĝejo. Ĝuste en tiuj tagoj tiu kamarado estis arestita surstrate kaj timis domtraserĉadon. La kovrilo estis en danĝero. La francaj aŭtoritatoj permesis al mi (kun polica akompano) preni de mia loĝejo sapon, dentbroson ktp. Kaj ĉi tiun okazon mi uzis por ankaŭ preni la maldanĝeran kovrilon. Kaj tiel ĝi migris kun mi al la malliberejo kaj poste al la koncentrejo franca. Kun la tuta havaĵo ĝi troviĝis en la magazeno. Sed amikoj en la malliberejo atentigis pri la danĝero, kiun signifis la kovrilo por ni ĉiuj.

Iutage kelkaj batalintoj estis transportitaj al la milita tribunalo kaj hazarde la kovrilo pendis apud la magazeno ĉe la fenestro. La estrino pendigis tie la kovrilon por aerumi ĝin iomete. Kaj nun ni provis denove savi la standardon per helpo de amikoj ekstere de la koncentrejo. En frostega vintra nokto, kiam la koncentrejo estis profunde kovrita per neĝo, kiam forta vento malebligis la vidon de la postenoj, kuraĝa kamarado rampis kun la kovrilo en la brako tra la dratbarilo, grimpis de arbetaĵo al arbetaĵo supren al la monteto. Pezaj ŝuoj preskaŭ senmovigis la iradon kaj pro tio li senŝuigis sin. Post atingo de arbareto franca kamarado atendis lin, prenis la standardon por kaŝi ĝin ĉe konsciencaj vilaĝanoj. Kaj li sukcesis reatingi la koncentrejon sen esti vidata. Du semajnojn poste venis al la kamaradoj, letero, en kiu estis skribita: „Carmen finfine alvenis kaj iros al la provinco por bone ripozi.“ Ni sciis, ke „Carmen“ estis nia standardo kaj ke ĝi estas en bonaj manoj.

Jam tuj post la liberigo oni eksciis la pluan destinon de la standardo. Franca familio kuŝenigis per la standardo la infanlulilon kaj neniu plu havis la ideon, kie povus troviĝi la standardo.

Kiam Parizo estis liberigita, nia standardo estis transportita tien kaj entuziasme salutata. Aŭstriaj liberecbatalantoj ĉe la francaj partizanoj kunprenis ĝin al Jugoslavio kaj sur ĉi tiu vojo ĝi denove fariĝis kovrilo.

La aŭstria Libereca Bataliono, kiu batalis kun la jugoslavaj partizanoj de Tito kontraŭ la germanoj kunprenis tiun standardon al Vieno. Ĉi tiu standardo estas historio de rezisto, de neestingebla kredo al estonteco, al venko, kiu helpis nin alporti la standardon de la urbo Madrido tra malliberejoj kaj koncentrejoj al nia libera Aŭstrio.

Franero.

# Esperanto kaj Gestapo

Ĉu ne stranga asociigo? Sed ankaŭ ĉi-rilate oni povus diri, ke la spirito de la neo tamen devas efiki bonon, eĉ se ĝi volis malbonon.

En la aŭtuno 1942 plendis al mi maljunaj gepatroj de soldato, kiu en Januaro de la sama jaro perdiĝis el la tranĉeoj ĉe la rivero Volĥov, sude de Leningrado, kaj ĉiuj esploroj pri li restis sensukcesaj. Opiniante, ke kaŭzo estis, ke la rusa registaro ne subskribis la kontrakton pri la Internacia Ruĝa Kruco, kaj ne jam sciante, ke la E-movado en Sovetio estingiĝis post la oficiala rekono en 1921, mi esperis, ricevi informojn pri la perdito helpe de la internacia E-organizo. Do, revenint hejmen-la plendo okazis en la regiono de „Lago ĉe Wörth" en Karintio-mi skribis leteron al s-ro Hans Jakob en Ĝenevo, ekspedis ĝin laŭdekrete kaj fariĝis scivola, ĉu ĝi atingos senbare la adresiton kaj atendis ĝiajn sorton kaj rezultaĵon.

Post kelkaj semajnoj venis al mi policano, kiu invitis min, viziti la urban policejon. La kaŭzon de tiu invito laŭdire li ne sciis. Farinte miajn profesiajn taskojn de tiu tago mi iris tien. La deĵoranta policisto nun montris al mi la originalon de mia letero al s-ro Hans Jakob kun ĝia tre bona tradukaĵo germana kaj demandis esplore, ĉu mi konfesas, ke mi skribis ĝin. Post mia jeso mi devis respondi la pintan demandon, kion signifas la uzita alparolo „kara samideano". Jen mi kaptis la okazon de sufiĉe detala klarigo de l'Esperantismo kaj diktis al la policisto okpaĝan apologion de nia alta afero. Sen rezisto la viro skribis per maŝino la diktaĵon kaj adiaŭis min post mia subskribo sur la ampleksa protokolo.

Kiel atendite la letero ne transpasis la limon de mia tiama „patrujo".

Post pluaj semajnoj mi estis ree tien vokata kaj oni sciigis min, ke mi devos rezigni pri miaj internaciaj rilatoj kaj la pruvoj, per Esperanto serĉadi militperditojn, ĉar ĉi tio estus senescepta tasko de Ruĝa Kruco Germana.

Tiel okazis, ke ĝis hodiaŭ mi ne scias, kio estas pri la sopire serĉata filo de suferantaj gepatroj kaj fianĉo de esperanta fraŭlino.

Dr. Adolf Halbedl.

# Letero el Kanado al Austria Esperanto-Revuo

Galt, Ontario, 5. XII. 1946.

Al k-do Alfred Berdan, redaktoro de Aŭstria Esperanto-Revuo.

Tre ŝatata amiko kaj kamarado!

Trans la granda oceano, malnova amiko kaj kunbatalanto por la

interna ideo de nia Esperanto, kamarade salutas vin kaj, pere de vi, la tutan progreseman Aŭstrian Esperanto-movadon.

Estis grandega ĝojo kiam mi ricevis, pere de k-do Max Finkenzeller, la Aŭstrian Esperanto-Revuon, ĉar mi vidis, ke denove vi redaktas la organon de nia kara Aŭstria Esperantista Federacio.

Post sep teruraj jaroj, vi kaj aliaj iamaj AEF-anoj eklevis la verdan standardon ne nur de la lingvo Esperanto, sed pli grave, de l'Esperantismo.

Trarigardante vian gazeton mi vidis kun granda plezuro, ke la sama fajra spirito regas denove en la novstarigita Aŭstria Esperantista Federacio, kiu regis ĝis la fatala jaro 1938. Kaj mi memoras malgrandan poemon de famekonata aŭstria poeto Peter Rosegger, kiu diris:

Trunken sollt ihr, trunken sein!
Aber nicht von Bier und Wein.
Trunken von dem Feuergeist,
Der empor die Geister reißt! *)

Mia korpo estas en Kanado, sed mia spirito estas denove en viaj vicoj kaj mi nur esperas, ke en baldaŭa estonteco mi povos persone premi viajn manojn. Ĝis kiam tiu ĉi sonĝo efektiviĝos, mi deziras, ke la nova AEF havu grandan sukceson en sia sankta batalo por la popola interpaciĝo.

Fratece salutas vin via

Herbert Koppel.

Rimarkigo: Herbert Koppel okupis en AEF ĝis 1938 la funkcion de gazetarservanto, kaj disdonis ĉiumonate al 50 aŭstriaj gazetoj diversajn en-kaj eksterlandajn raportojn pri Esperanto. Kiam la nacifaŝistoj perforte okupis Aŭstrion, ili metis H. K. 11 monatojn en la koncentrejojn Dachau kaj Buchenwalde. Post sia liberigo li elmigris Anglujon kaj estis de tie en 1940 enŝipigata al Kanado. Certe multaj AEF-anoj ankoraŭ bone memoras s-anon Koppel kaj ni dankas lin pro liaj afablaj vortoj de rekono kaj sendas al li per nia revuo plej korajn salutojn. Ĝis revido- La redakcio.

*) Ebriaj estu vi, ebriaj,
Sed ne de vino aŭ biero;
Ebriaj estu de ardoj diaj
Levantaj spiriton al alta sfero!

# Nia danko al kortega konsilanto d-ro Wollmann

La ŝtata ekzamenkomisiono por Esperanto, laŭleĝe reinstalita de la aŭstria federacia ministro por instruado d-ro Felix Hurdes, refunkcias ekde Decembro 1946. Per tio la stato de l'tempo 1938 estas restarigita. Ĉar jam en la jaro 1925 la aŭstria instruministerio instalis je la unua fojo en Aŭstrio ŝtatan ekzamenkomisionon por Esperanto per dekreto de la 30. IV. 1925, „Volkserziehung", amtl. Teil, S. 104—107. De la jaro 1925 ĝis aŭtuno 1937 118 kandidatoj sukcesis en la instruekzameno por publikaj mezaj lernejoj kaj 74 sukcesis en la ekzameno pri lingva kapableco.

Okaze de tiu ĉi reenkonduko decas memori la meritplenan iniciatinton de la unua ŝtata komisiono pri Esperanto, lernejinspektoron kortegan konsilanton d-ron Franz Wollmann, kiu dum preskaŭ 13 jaroj estris la komisionon, deĵorante kiel vera reprezentanto de la interna ideo de Esperanto per ĉiama helpemo, modesteco kaj altruismo.

Kiel gimnaziano li estis studinta Volapükon. Okaze de inspekta vizito en la seminario en Strebersdorf en la jaro 1924 d-ro Wollmann konatiĝis kun la tiama estro direktoro Josef Schamanek, fame konata Esperanto-pioniro. La lingvaj kaj praktikaj preferoj de Esperanto, konvinke prezentitaj de Schamanek, tute absorbis la filologian intereson de d-ro Wollmann kaj li decidis studi la lingvon. Kvankam li perfekte scipovis la anglan, francan, italan kaj ĉeĥan lingvojn, li tamen plene kaj entuziasme dediĉis sin al Esperanto kaj fariĝis baldaŭ ĝia plej eminenta advokato. Lia lingva aŭtoritateco kaj lia inda personeco fine konvinkis ankaŭ la filologajn kontraŭulojn kaj decidigis la instruministerion favore al la unua oficiala rekono per starigo de la ŝtata ekzamenkomisiono.

Kiel ĝia estro d-ro Wollmann eldonis praktikan gvidilon, modelan lingvoregularon por ekzamenantoj kaj ekzamenatoj. En somero 1946 — post sepjara silentigo de Esperanto — aperis klasika propagandilo por nia lingvo en la noveldonita regularlibro de li verkita „Lehrbefähigungsprüfungen für Fremdsprachen" (öst. Bundesverlag). Krom multaj detaloj pri la ekzamenoj en la lingvoj angla, franca, rusa, itala, ĉeĥa, hungara, slovena, serbokroata kaj latina ĝi enhavas konvinkajn klarigojn kaj indikojn pri la praveco de artefarita mondhelplingvo kaj ĝia Zamenhofa formo, la plenan ekzamenregularon kaj sufiĉe imponan liston de Esperantoverkoj originalaj kaj tradukitaj, kiuj estas studindaj por ĉiuj aspirantaj ekzamenon en Esperanto.

Kortega konsilanto d-ro Wollmann, nun jam 75jara, tamen ankoraŭ vigla kaj laboremega, ĝuas fruktojn de vivo plena de multflankaj kaj ĉiel merititaj laboroj, ĉefe lingvosciencaj, kaj valoregaj

precipe por la edukado de generacioj de instruistoj en Aŭstrio. Li verkis ankaŭ modelajn gramatikajn librojn, precipe en germana lingvo.

Pro sia aĝo kaj troa okupiĝo en aliaj fakoj kortega konsilanto d-ro Wollmann rezignis je la estreco en la nova ŝtata ekzamenkomisiono pri Esperanto. Tamen li restas konsilanto kaj propagandisto por nia lingvo, realigante en siaj mondkoncepto kaj sintenado la noblajn ideojn de lingva kaj homara idealo, al kiu li dediĉis — laŭ propra eldiro — siajn plej feliĉajn laborjarojn.

Ne sole la membroj de la ŝtata ekzamena komisiono, sed la tuta aŭstria esperantistaro sin klinas respektoplene antaŭ la pionira eminentulo d-ro Wollmann, dankeme dezirante al li daŭran feliĉon kaj vivplenuman benon.

B. Flasch.

Rim. de la red.: Prof. d-rino Flasch estas la sola membro de la nova ŝtata ekzamenkomisiono, kiu apartenis jam al la antaŭmilita komisiono estrita de kort. kons. d-ro Wollmann. Ni tutkore aliĝas al ŝia dankesprimo, kiun ŝi kiel plej kompetenta rajtas eldiri.

# LITERATURO

## Pri la kalendaro

La plej malnova presita kalendaro estis eldonita en la jaro 1439 de Johannes de Gamundia. Tiu ĉi kalendaro estas gravurita sur du lignotabulojn grandformatajn kaj ili nun troviĝas en la iam reĝa biblioteko en Berlino.

Pli malfrua germana kalendaro el la jaro 1474, de kiu ekzempleroj estas konservataj en Munĥeno, Berlino kaj Bruselo, estas la kalendaro de Regio Montames, same gravurita sur lignaj tabuloj. Al tiuj ĉi plej malnovaj kalendarpresaĵoj poste sekvis pluaj eldonaĵoj, ekz. la Augsburg'a kalendaro proksimume 1481, la Straßburg'a kalendaro 1483, la Ulm'a kalendaro en 1499 ktp.

Dum la cititaj verkoj estis tielnomitaj daŭraj kalendaroj, aperis la unua vera jarkalendaro en 1513 ĉe Peipus en Nürnberg. Ĉi tiu jarkalendaro enhavas krom la listo de la festoj kaj la tagoj de la martiroj ankoraŭ sciigojn — t. n. uzadregulojn — pri la tagoj dum kiuj oni laksigu, skarifigu, prenu medikamentojn, geedziĝu, banu kaj faru similan plu. Oni ne pretervidu, ke ĝis longe en la 18-an jarcenton la kalendaroj prezentis dommastrumad- kaj instrulibrojn, unuvorte, la enciklopedion de la civitanoj.

Per multaj artikoloj pri signifo kaj influo de la astroj al la homoj estis donita al la superstiĉo multe da spaco en la tiama tempo. Vieno, ludanta en la baroktempo gvidan rolon en la kalendaraj aferoj, produktis egaron de tiuj ĉi popolbroŝuroj, kiuj tre vigle estis vendataj.

Kiam oni sub la regado de Maria Theresia projektis en Vieno fondi la akademion de sciencoj, oni eĉ planis tiun ĉi akademion subvencii per granda kalendara privilegio. Sed la eldonisto Trattner, profitanta multe da mono per siaj kalendaroj, malebligis tiun planon.

Proksimume meze de la 18a jarcento en Vieno supozeble estis produktataj kaj disvendataj ĉirkaŭ 5 milionoj da kalendaroj, kio pruvas, ke la produktado de kalendaroj estis grava faktoro en la ekonomia vivo de Vieno.

Ĉe la plej bona inter tiuj ĉi produktaĵoj estis la kovriloj faritaj el presita ledo, kun bela lakpentraĵo aŭ delikata brodaĵo kaj ili estis ŝatataj kiel novjardonacoj.

La spirita nivelo tamen estis tre malalta kaj skandalrakontoj miksitaj kun malĉastaj anekdotoj okupis grandan spacon, tiel ke la predikisto Abraham a Sankta Clara, fama pro siaj akraj paroladoj, en

sia „Centifolium stultarum" laŭ sia maniero mokis pri la kalendarstultuloj. Dum la regado de la imperiestrino Maria Theresia komenciĝis severa cenzuro, kiu forigis la plej krudajn malĉastaĵojn kaj superstiĉajn absurdaĵojn celantajn la stultigadon de la popolo.

Imperiestro Jozefo II. faris plian paŝon, li malpermesis la indulgencan misuzon miksitan kun pia hipokriteco. Per la tiam donita cenzurprivilegio la produktado de la kalendaroj kreskis ĉiam pli kaj pli kaj en 1797 en Vieno aperis eĉ 55 diversaj kalendaroj, en kiuj respeguliĝis la kultura kaj morala historio de la tiama Vieno.

La kalendaroj de tiu ĉi tempo, kiuj grandparte estas malaperintaj, nuntempe havas kuriozan valoron kaj kelkaj estas pagataj per peza oro. Tre stranga por ni estas la nomigo de la kalendaroj. Ekzistis ekzemple la „Nova poŝkalendaro por kuiristinoj"; la „Plibeligkalendaro por la bela sekso"; „Kalendaro por knabinoj, kiuj volonte edziniĝus"; „Kalendaro por ĉeval- kaj hundamantoj"; „Kalendaro de la kisoj por amikeco kaj amo"; „Plejnova kaj plejfidela koretkalendaro por la jaro 1796" ktp.

Dum la tuta mezepoko la kalendaro enhavis monatajn prezentaĵojn, kiuj radikas en la antikva festkalendaro. La famkonata kalendara verko de Kassel enhavas krom abundaj monatilustraĵoj ankaŭ treege artiste faritajn planetbildojn. En la germanaj manskribaĵoj el la 13a, 14a kaj 15a jarcentoj aperas ĉiam pli kreskanta nombro da monatprezentaĵoj, en kiuj plej ofte la laboroj karakterizaj por la monato (plej ofte agrikulturaj laboroj) per ilustraĵoj estas prezentitaj.

Certe ja montriĝas en la prezentado de la monataj laboroj en tiu punkto diferenco, ke laŭ la pli norda aŭ pli suda pozicio de la regionoj — la alpa ĉeno formas ĉi tie preskaŭ la naturan intermuron — konforme al la diversaj klimataj cirkonstancoj certaj laboroj de la kampuloj kronologie ŝanĝiĝas.

Tiel la herbrikolton en la nordo oni nur trovas en Julio, dum tiu ĉi en la sudo jam estas prezentita en Majo aŭ Junio, la vinrikolto, kiu en pli varmaj regionoj okazas en Septembro, en la nordo nur okazas en Oktobro ktp.

Ĉiukaze la monataj prezentaĵoj de la frua mezepoko, de la karolinga kaj postkarolinga tempoj ankoraŭ estas sub antikva influo. La unuopaj monatoj estas reprezentataj per alegorioj kaj personigaĵoj, kiel tio jam estis kutima en la antikvaj festkalendaroj.

Nur malrapide kaj paŝon post paŝo la tradiciaj skemoj estas forpuŝitaj per novaj naturalismaj prezentaĵoj, kiuj prenas la materialon el la ĉiutaga vivo de la kampulo kaj vilaĝano kaj de la agado en la dommastrumado.

G. Loibel.

# Esperantistoj sub la Persekuto

De H. Sirk.

„Kie kun pen' kolektita librar'?"
„Ŝtelis perforte ĝin stulta barbar'".
„Kie konata la samidean'?"
„Murdis lin kaŝe kruela tiran'".

Tiel ili flustras kaŝitaj pro timo
sonĝante pri verda la stelo,
en vero mizera, senkulpa viktimo
premata per murdo kaj ŝtelo.

Sub tiu obsedo sencele vagante
elektas mi zorge la rimojn
kaj pensas pri nia mizero konstante,
por venĝi pli poste la krimojn.

Vieno, Majo 1938.

# Teatro en la servo de la paco

400 jarojn antaŭ la naskiĝo de Kristo.

Specialan dankon meritas la Viena teatro „Die Insel" (La insulo) pro la molkovro, elekto kaj bonega prezentado de la komedio „Lysistrata" de la greka poeto Aristophanes, kiu sin turnas per trafaj satiro kaj ironio kontraŭ la frenezo kaj krimeco de la milito. Li faras tion ĝuste en tempo, kiam en lia patrujo furiozas milito, la interfrata milito de Peloponesio. Oni imagu: Dum la milito li kondamnas la militon, faras propagandon por la paco, kaj tamen li, la poeto de kontraŭmilita, porpaca teatraĵo pro tio n e estas juĝata kaj persekutata, n e traktata kiel „ŝtatperfidulo". Kiom alte vere staris la antikva paganismo super la novpaganismo de la 20a jarcento, ankoraŭ en malbenplena memoro nia!

Sed pli ol atentinda estas antaŭ ĉio la i d e o de tiu kontraŭmilita komedio: **Jen la virinoj per sinrifuzo al la viroj volas devigi tiujn al ĉesigo de la milito kaj devigi ilin al la paco!**

Kia diferenco ankaŭ tiurilate inter penso el tiama antikva tempo kaj la praktiko de nia epoko. Precipe dum la lasta terura milito, kiam oni nur per alkoholo, cigaredoj k. a. „ĝojoj", sed precipe ankaŭ per prezentado de „erotikaj ĝuoj" klopodis daŭrigi la militon, ja oni eĉ

apelaciis al la malnoblaj instinktoj de la ofte jam anime laciĝintaj militpartoprenantoj. Oni ankaŭ memoras pri la virinaj konduto kaj maniero kaj senhonta altrudo en tiu tute malalta atmosfero de la milito, senigita je moralo kaj respekto. Ne senintence oni ja tiucele envicigis ĉiam pli virinojn en la gigantan militaparaton.

Ĉiuokaze la profunda senco de la unika verko de la antikva greka poeto Aristophanes ankaŭ por ni povas esti pensiga kaj instrua. Sendube, ke rifuzo kaj sindeteno flanke de la virinoj al la viroj povus, devus ĉe koncerna okazo efiki iel pli mallongigante al la milito kaj malfortigante la militemon.

Laŭ informo la bonega teatraĵo „Lysistrata" momente estas filme prilaborata en la nova aŭstria filmfarejo en Wien-Sievering kaj aperos kiel filmo sub la titolo „Triumph der Liebe" (Triumfo de l'amo), por kiu do analoge validu: **Filmon en la servo de la paco.**

Walter Mudrak, Vieno.

# La Elfreĝo

Rakonto pri Franz Schubert de H. Gräfgen

Tradukis Finjo Kraus

„Franz! Michael Vogl devas tion kanti, poste vi estos tuj fama!" diris Schober, enirante ĉe Schubert, kiu estis komponinta novan kanton.



„Diru prefere, la anĝeloj en la ĉielo ĝin kantu", respondis Schubert, „ili pli frue zorgus pri mi ol la fama kantisto." — „Vi devas al li iri, vi devas al li ludi la dian muzikon!"

„Vi ja mem scias, ke mi tion ne povas fari. Se mi staras antaŭ tia eminentulo, kia estas Vogl, mia parolkapablo ĉesas kaj mi aspektas pli malsaĝe ol bubo el la lernejo!"

„Se estas tiel, estas nenio farebla, Franz, vi do ĉiam restos la almozulo-muzikisto."

„Nu, estu ankaŭ bone", murmuris Schubert, sidigis sin antaŭ la fortepianon kaj ekludis fantazie.

„Rapide, venu ĉi tien, Franz, tie malsupre li preterpasas, la sinjoro de Vogl! kuru malsupren, alparolu lin kaj donu al li la notojn!"

„Antaŭ kiam mi tion farus, mi preferus morti."

Jen Schober ekhavis bonan ideon. Li prenis la „Elfreĝon" kaj faligis ĝin sur la straton. Kiel granda, blanka papilio la notfolio flirtis unu momenton, poste ĝi mallevis sin antaŭ la piedojn de Michael Vogl. — La kantisto surpriziĝis, rigardis supren, vidis neniun, ĉar Schober rapide estis ferminta la fenestron, kaj ekprenis la paperon.

„Notoj", li murmuris, „strange, notoj, kiuj falas de l'ĉielo." Poste li zorgeme rulis la foliojn kaj zumkantante svingis la rulaĵon kiel ritmoindikilon. — Hejme li sidigis sin al la fortepiano. „Belege", li diris ripete, „Schubert, Franz Schubert? Ankoraŭ neniam mi aŭdis tiun nomon, sed geniulo li estas, tia vervo, tia melodiabundo . . ."

*

„Ho jen!" diris Schubert al Schober, „vi agis impertinente, ĵetante miajn notojn kiel senvaloraĵon el la fenestro. Vogl ilin certe disŝiris, tio estas klara . . ."

„Ho ne, Franĉjo, mi precize vidis, li ilin rulis kaj eble li ie kantos ilin kaj famigos vin . . ."

„Je tio mi longe povas atendi . . ."

Kelkaj monatoj pasis.

„Jen, Franz, Vogl donas koncerton en Kärntnertor-teatro, tien ni devas iri." Schober tion vokis, enirante ĉe Schubert.

„Du bulkoj potage, tio estas mia tuta manĝaĵo jam de antaŭ semajnoj", respondis Schubert, „oni perdas la emon, aŭdi kanti bonnutratajn, famajn sinjorojn."

„Vi venu tagmeze al Spaun."

„Estas jam tempo, ke denove iu kompatas la malsatan muzikiston. Honto estas tio: La kapo, la koro plena je muziko kaj eĉ ne groŝo en la monujo!"

La biletoj en la Kärntnertor-teatro estis ĉiuj forvenditaj. Tie sidis la junaj knabinoj kaj virinoj por adori Vogl, kiu ja ne plu kantis la rolon de Orest en „Ifigenio" de Gluck, ĉar li estis iĝinta pli larĝa, maljuna kaj dika, sed kiu tamen ĉiam ankoraŭ per sia belega voĉo entuziasmigis ĉiujn.

Li kantis kantojn de Mozart kaj Haydn, kaj subite li diris: „Nun mi kantos la „Elfreĝon" de Franz Schubert. Vi certe demandos, miaj gesinjoroj, kiu li estas? Nu, tion mi mem ne scias. Vere de l'ĉielo flugis la notoj al mi, kiam mi laste promenis; sed muziko estas tio, pri kiu eĉ Beethoven ne devus honti!" — Kvazaŭ per naturfenomeno tuŝitaj sidis la aŭskultantoj kiam Vogl estis fininta la kanton . . .

Schober volis tiri Schubert sur la podion, sed la malgranda muzikanto fuĝis kaj forkuris en la vesperon.

Schober do sola iris al Vogl kaj rakontis al li pri la amiko. De tiu horo eklumis hele la stelo de Schubert. La gazetoj kaj revuoj citis lian nomon kun admiro kaj la fama kantisto iris en la subtegmentan kabineton al la muzikisto, petis la kantojn de li kaj iĝis lia amiko . . .



Sed kiam post jaroj la tridekunujara Schubert mortinte kuŝis sur la katafalko kaj oni lin eksterenportis por la lasta ripozo, tiam kantis ekstere sur la tombaro de Währing la sesdekjara Vogl, kies buŝo de antaŭ longa tempo estis silentinta, ankoraŭfoje por la amiko.

Kaj dum mistike bruis la arboj, kvazaŭ plendus la naturo pro la mortinta komponisto, Vogl kunformis la vortojn de Goethe kaj la muzikon de Schubert je ĉiujn profunde kortuŝanta unuo, pri kiu oni longe parolis, kiel pri granda, emocia travivaĵo . . .

Oni sciigas, ke depost tiu horo Vogl, kiu ankoraŭ dekdu jarojn vivis, neniam plu kantis, respondante ĉiujn petojn de liaj amikoj per muta, trista kapskuo . . .

Rim. de la red.: La mâlsupra bildo montras la domon, en kiu „la Elfreĝo" estis komponita.

# La Esperanto-gramatiko en versoj

De E. Pebe.

Hm! Gramatika temo!
Ne scias mi, ĉu via emo
Multe celas gramatikon,
Tiun tedan lingvoflikon,
Tiun ŝarĝon de lernantoj,
Parolemaj esperantoj.
Tial, por ne trakti vin
Per maldolĉa medicin',
Mi ekprovis per la muzoj
Vin instrui pri la uzoj
De la gramatik-reguloj
Por korektaj frazformuloj.
Sed antaŭ de l' afer' komenco
Malgraŭ bona eĉ intenco
Ni demandu nin laŭkore,
Ĉu estas scii ĝin valore?
Ĉu necesas gramatik'
Por libera komunik'?
Ĉu por nia gramatiko
Ne sufiĉas la logiko?
Ho trankvile, malkaruloj!
Neniu lingvo sen reguloj,
En Esperanto ja malmultaj
Sen esceptoj strangaj, stultaj.
Kiel ideojn la logik'
La vortojn estras gramatik'.
Kio tra la kapo iras,
Gustan formon ĝi akiras
Kaj ĝin gramatike diras
Vi kaj eĉ pri ĝi ne miras.
Nur kiu ne pensi povas,
La esprimojn li ne trovas.
De la pensoj brila pordo
Estas gramatika ordo,
Tra ĝi lumas la kompreno,
De l' spirit' plej granda beno.
Kuraĝe ni ataku ĝin!
Tial ĝi ne ĝenu nin,

La plej simpla kaj malgranda
En la gramatika lando,
Ĉarmuleto vere ja
Estas l'artikolo **la**.
En singularo kaj pluralo
Ĉiam sama la signalo,
Kaj se ne bezone estas,
Lingvo bone sen ĝi restas.
Same simplaj formsignaloj
Estas niaj kvin vokaloj,
Montras gravajn vortospecojn,
Klare gramatikajn ecojn:
Fina **a** por adjektivo,
Fina **o** por substantivo,
En singularo a kaj o,
Por la plural' aldonu j!
Fina **e** por la adverbo:
Restas **i** kaj **u** por verbo:
i por la infinitiv',
u por la imperativ,
Sekvas por la tempoformoj
Simplaj kaj sistemaj normoj:
Predikata verb' kun **as**,
Ĉu nur unu aŭ amas',
Se preter jam la tempopas',
Vi diru **is** anstataŭ **as**,
Kaj se temas pri futur',
Sanĝu ĝin en **os** vi nur!
Se l' vorteto „se" signalo
Estas por kondicionalo,
Prenu **us** ĉe l' verbofin',
Gi ĉiutempe servos vin.

Ĉiuj anoj tion konas,
Vi ekzemplojn ne bezonas.
Tial tuj ni aŭdu plue,
Por atingi finon frue!

De la verbsistem' la krono,
Por la stil' plej granda bono
Estas niaj participoj
Laŭ la ses sistemotipoj:
**Ant, int, ont** por senc' aktiva,
**At, it, ot** por senc' pasiva,
Laŭ la ĉefaj tempoj tri,
Kiujn ĵus elmontris mi.
Diversforme en la frazoj
Ili servas en okazoj,
Kiam ĉiu dir' alia
Estus peza, malgracia,
Ĉu en formo adjektiva
Aŭ en formo substantiva;
Eĉ adverbe ili sonas,
La verbtempojn kunmasonas.

Se ekzemplojn jen kun rimoj
Pri la participesprimoj
Mi prezentas laŭhazarde,
Volu juĝi ne tro arde:

Por paroli elegante
Kaj mallonge sin esprimi,
Oni devas parolante
Ne la participojn timi.
Parol**onto** devas peni
Por altiri la publikon,
Parol**into** devas veni
Kaj esplori la efikon.
Por la domo konstru**ota**
Vi desegnu taŭgan planon,
Al la domo konstru**ata**
Vi apliku fortan manon,
En la domo konstru**ita**
Vi trankvile manĝu panon!
Kiam estis ektraktota
Tiu gramatika temo,
Ĝi por via libro nota
Sajnis fruktiĝonta semo.
Nun vi aŭdas mirigate,
Ke mi rimas senkompate.
Ĉiujn gramatiko-saĝojn
Fuŝoverse kunbakitajn
Jetas mi en la vizaĝojn
Viajn larĝe malfermitajn.
Sed mi petas paciencon
Por la gramatika festo;
Se deziras vi sciencon
En facilamuza vesto,
Mi ne povas ja koncize
Kaj mallonge kaj precize
Servi vin per frazekzemploj
Por la sanktaj studotemploj.
Tial aŭdu vi komforte
La regulojn rimovorte.
Ankoraŭ unu nur ĉapitro
Tra la gramatika vitro!

Por la uzo en la frazoj
Servas bone la du kazoj:
Nominativ', akuzativ',
Gravaj en la lingva viv'.
L'Esperanta substantivo
Estas en nominativo
Rekonebla per la **o**.
Ni facile diras do:
Hundo, domo, tempo, homo.
„Hundo kuŝas antaŭ dom',
En la domo loĝas hom'".
Tiu ĉi unua kazo
Estas simpla kaj la bazo
Por la dua kazo frata,
Kiu estas tre timata:
Estas la akuzativo
Kun la **n** ĉe substantivo

Kaj ĉe kuna adjektivo:
„Hundo**n**, tempo**n**, bona**n** homo**n**,
Multaj**n** floroj**n**, tiu**n** domo**n**."
Jen ekzemploj ŭajne stultaj
Kaj freneze eĉ tumultaj.
Kial? Estas formoj eblaj
Ofte ja leg- aŭ aŭdeblaj.
Sed atentu! Nur en frazoj
Por ili trovas sin okazo.
Kiam ago aŭ okazo
Krom subjekto de la frazo
Tuŝas alian objekton,
Tiam diras **n** direkton,
Celon kaj distingas bone
Ambaŭ, skribe jen kaj sone.
„Hundo**n** vidas mi ĉe dom',
En la domo**n** iras hom'."
Fraz' vortordon ne bezonas,
Akuzativ' la sencon donas.
Ĉiam kiam ĝi necesas,
Bonvolul' ĝin ne forgesas;
Sed se ne bezone estas,
Lingvo bone sen ĝi restas.

Krom ĉi tiuj ĉefreguloj
Paragrafojn mi ne scias;
L'Esperanta gramatiko
Regularojn ne envias.
Se ekzemple la pronomojn
Vi sisteme volas lerni,
Ne bezonas novajn formojn
Vi por tio ĉi ellerni.
Iliaj adjektivaj formoj
Taŭge montras la posedon.
**Mi** kaj **mia**: simplaj normoj
Tuj klarigas la rimedon.
Ĉe numeraloj vi facile
Povas fari tutsimile.
Ankaŭ la prepozicioj
Estas sen apartaj scioj
Aplikeblaj tutperfekte:
Akuzativo pri direkto
Estas kiel pri objekto.
Krome la afiksoj faras
Ĉion kaj eĉ multe ŝparas.

Nun mi povas jam resumi.
Gramatikon fulme lumi:
Por vortspecoj kvin vokaloj,
As, is, os por tempsignaloj,
Kazoj du, ses participoj
Estas ĉiuj la principoj.
**Ilin scii por aplik':**
**Jen la tuta gramatik'!**

# LA ESPERANTO-MOVADO EN AUSTRIO

## Listo de la Esp.-grupoj aligintaj al A. E. F.

### *Esperantogrupoj en Vieno*

**Centro,** I,. Neutorgasse 9.
**Supren,** III., Landstraße Hauptstraße 8 Kafejo „Nordkap", ĵaŭdo, 17—19, prov. ĉiun 2. ĵaŭdon ĉiumonate.
**Verda stelo,** V., Grohgasse 8, Gasthaus Schuster, ĵaŭdo, 18—20.
**Danubio,** VII., Sigmundgasse 14, Gasthaus Zboril, dimanĉo 2. kaj 4. 9.30—11.30, antaŭtagm.
**Progreso,** VIII., Laudongasse 24, Café Laudon, merkredo, 16.30—18.30.
**Kalocsay,** IX., Galileigasse 8, Schule, lundo, 18—20.
**Konkordo,** X., Wielandgasse 16, (im Hof), sabato, 17—19.
**Nia stelo,** X., Siedlung Wienerfeld 213, ĵaŭdo, 19—20.
**Humaneco,** XI., Dreherstraße 78, en praparo.
**Libereco,** XII., Gaudenzdorfergürtel 11, 2. Stiege, vendredo 18—20.
**Vereco,** XII., Singrienergasse, Heim der KPÖ., merkredo, 18—20.
**Fervojistoj,** Fachgrr. Adr.: J. Zink, X., Endlichergasse 2, 4/17, ĵaŭdo 2. kaj 4., 17.30—19.30, Kunvenejo: I., Neutorgasse 9.
**Vindobona,** XIII., Hietzinger Hauptstraße 73, Villen-Kaffee.
**Harmonio,** XV., Markgraf Rüdigerstraße 4, vendredo, 18—20.
**Nia vojo,** XVI., Klausgasse 32, ĵaŭdo, 18—20.
**Mezeŭropo,** XVII., Kalvarienberggasse 28a, SPÖ., vendredo, 18—20.
**Laboro,** XVIII., Aumannplatz, Kaffee Währingerhof, ĵaŭdo, 19—21.
**E-servo ÖVP.,** XVIII., Schulgasse 19, kunv. neregule.
**Antaŭen,** XIX., Billrothstraße 48, Heim der SPÖ., mardo, 18—20.
**Poŝtistoj,** Fachgr. Adr.: Joh. Janeĉka, XIX., Diemgasse 3/14, ĵaŭdo 2. kaj 4., 17—19, Kunvenejo I., Neutorgasse 9.
**Suno,** XXI., Jedleseerstraße 68, Heim der SPÖ., mardo, 18—20.

### *Esperantogrupoj en la Federaciaj landoj de Austrio*

**Burgenland:**

**Ober Pullendorf,** J. Rainer, **Ober Pullendorf,** Hauptstraße.

**Kärnten:**

**Antaŭen,** Dir. F. Watzinger, **Villach,** Knabenschule.
**Alaudo,** O. Bühner, **Görlitzen** 36, Bad St. Leonhard, Lavanttal.
**Paco,** K. Dürrschmid, **Klagenfurt,** Hoffmanngasse 4.
**Spital-Drau,** Abg. F. Walcher, **Spital an der Drau.**

**Nieder Österreich:**

**Arbara regiono,** R. Bartosch, **Horn,** Thurnhofgasse 6.
**Fideleco,** F. Zöchling, **Freiland.**
**Haugsdorf,** Dr. A. Schneider, **Haugsdorf,** Schule.
**Klosterneuburg,** R. Karras, **Klosterneuburg,** Hölzlgasse 65.
**Libereco,** Routil, **Blumau bei Felixdorf,** Stationsgebäude.
**Nova mondo,** A. Menauer, **Hausmenning-Ulmerfeld** 79.
**Nova tempo,** H. Halik, **St. Pölten**-Spratzern, Hackerstraße 63.

**Fonto,** R. Patek, **Felixdorf** 55.
**Trifolio,** Rudolf Zimmermann, **Groß Siegharts,** Waidhofnerstraße 69, Post Groß Sieghards.
**Vojo al paco,** R. Riegler, **Amstetten,** Hauptstraße 36.
**Verda lumo,** J. Zmrsly, **Hohenberg** 155.
**Wr. Neustadt,** F. Handler, **Wr. Neustadt,** Grünangergasse 7.

**Ober Österreich:**

**Estonto,** K. Nigl, **Linz,** Wr. Reichsstraße 4.
**E-rondo,** M. Heißl, **Ebensee,** Kalvarienberggasse 8.
**Fajrero,** K. Linek, **Ried im Innkreis,** Bahnhofstraße 27.
**Libereco,** F. Karl, **Wels,** Gasthof „Weißes Rößl" Josefsplatz 49.
**Verda stelo, Steyr,** Werndlgasse 12.

**Salzburg:**

**Verda stelo,** Prof. Christanell, **Salzburg** 1, Postfach 65.

**Steiermark:**

**Graz,** A. Podrepschek, **Graz,** Sackstraße 16/I.
**Verda stelo,** Cebusch, **Knittelfeld,** Schmittgasse 17,
**Kuraĝo,** F. Schick, **Leoben,** Göß, Hauptstraße 7.

**Tirol:**

**Espero,** A. Hilkersberger, **Landeck**-Perjen, Haus „Espero".
**Häring,** Otto Schnalziger, **Asterndorf** 29.
**Innsbruck,** M. Stöckl, **Innsbruck,** Bacherstraße 5.
**Kirchbichl,** Hans Steiner, **Kirchbichl.**
**Wörgl,** J. Thaler, Lehrer, **Wörgl,** Chr. Plattnerstraße 14.
**Kufstein,** Dr. Huber, **Kufstein.**
**Wattens,** Mali Schmid, **Wattens,** Langegasse 24.
**Kitzbühel,** M. Planck-Planckburg, **Kitzbühel,** Hinterstadt 32.
**Fieberbrunn,** Hechenberger, **Fieberbrunn** 11.

### E-gazetoj kaj E-organizoj en tutmondo atentu!

Ĉiutempe ekzistis inter la Esperanto-movado homoj, kiuj ne volas subiĝi sub organiza disciplino kaj kies celo unuavice estas pere de Esperanto turni la atenton de aŭtoritatoj kaj publiko je ilia propra persono. Por ili do la venko de Esperanto ne estas la alto celo de ilia agado, sed Esperanto estas nura ilo por iliaj privataj aspiradoj. Tiaj personoj nun denove bedaŭrinde ankaŭ ekaperas en Aŭstrio.

Tial ni konsideras necese — por malhelpi estonte konfuziĝon — koncize informi ĉiuj kompetentajn organojn de la internacia E-movado, **ke neniu persono, rondo aŭ institucio en Aŭstrio rajtas oficiale paroli nome de la aŭstria E-movado ol la tutlanda E-organizo, la Aŭstria Esperantista Federacio — AEF — Wien I., Neutorgasse 9, kaj ĝia oficiala organo, la Aŭstria Esperanto-Revuo.**

La estraro de AEF.

### Eksiĝoj el AEF

Ni povas ĝoje konstati, ke la AEF-anaro restis fidela al sia organizo, ĝi eĉ kreskis dum la pasinta jaro malgraŭ la ege malbonaj cirkonstancoj en Aŭstrio. Nur tri personoj anoncis sian eksiĝon el AEF. Ili estas la sinjoroj kortega konsilanto Hugo Steiner, Roman Nemec kaj Richard Fitzka (Wien).

### LA ZAMENHOFA FESTO EN VIENO.

Dimanĉe la 15. XII. 1946 je la 15-a h. okazis la tradicia festo honore al nia majstro kun arta programo, aranĝita de Aŭstria Esperantista Federacio kune kun Gesellschaft der Freunde des Esperanto en la Schubert-salonego de la

koncertdomo en Vieno. Partoprenis 350 personoj.

Malfermis la festkunvenon kaj salutis ĝin la prezidanto de AEF d-ro L. Grimme kaj nome de G.d.F.d.E. kalkulkonsilisto R. M. Frey. La prezidanto salutis speciale diversajn ĉeestantajn eminentajn personojn. Ankaŭ redaktoro de la gazeto „Weltpresse" estis aperinta, kaj laŭtlegis salut-leterojn de invititaj eminentuloj, kiuj estis malhelpitaj ĉeesti la feston. Senkulpigis sin jenaj sinjoroj: Federacia kanceliero d-ro inĝ. L. Figl; la ministroj d-ro F. Hurdes kaj d-ro H. Frenzel; urbestro de Vieno generalo d-ro Th. Körner; ĝen. direktoro de ŝtata poŝt- kaj telegrafa administracio d-ro Dworschak; rektoro de altlernejo por mondkomerco prof. d-ro F. Dörfel kaj la ĝen. direktoro de Nacia Bibioteko Kort. Kons. Bick (granda aplaŭdo).

La festparoladon esperantlingvan faris la oratoro s-ano N. Hovorka kaj la kunvenintoj dankis lin per aplaŭdego.

La cetera programo estis bonegaj prezentadoj de la konata Prixkvarteto ludanta muzikaĵojn de A. Dworak. Schubert kaj Verdi. Kantoj, komponitaj de s-ano H. Aitzinger tre plaĉis. S-ano A. Schauhuber laut-legis propraјn poemojn en Esperanto. Vortoj de Zamenhof, alterne prelegitaj Esperante kaj germane de ges-anoj E. Vokal kaj Erna Widmann. Laŭ muziko de O. Lenek kantis Esperante la koncerta kantisto K. Dvorak „Ho mia kor'" de Zamenhof kaj „Kara Kristinfan'" (origínalaj prezentadoj.)

La publiko dankis al ĉiuj kunagantoj beligantaj la feston per multe da aplaŭdo. La Zamenhofa festo denove pruvis la bonegan rezulton de u n u e c a E-movado.

**La unuaj ŝtatekzamenoj pri Esperanto en Aŭstrio post la milito**

okazis de la 16a ĝis la 18a de Decembro 1946. Partoprenis 17 kandidatoj por la scio de Esperanto kaj 1 por instrukapableco. El la aspirantoj pri la scio de la lingvo 1 rezignis antaŭ fino de la ekzamenado, el la 16 sukcesintoj 7 ricevis atestojn „kun distingo". Ankaŭ la ekzamenito pri instrukapableco estis distingita. Detala raporto de la komisionestro troviĝas en la germanlingva parto de tiu ĉi numero.

**Atentigo pri E-grupo „Edelweiß" en Greifenburg.**

AEF ricevis el diversaj landoj leterojn de E-organizoj kun la demando, ĉu la E-grupo „Edelweiß" en Greifenburg 55, Kärnten, estas ano de la aŭstria E-movado, ĉar la nomita grupo dissendas multajn almozpetajn leterojn ĉiulanden.

Tiurilate AEF oficiale deklaras, ke la citita grupo n e n i a m estis membro al AEF, ke AEF do ne povas prirespondi ĝian agadon.

Laŭ ricevitaj informoj la menciitan grupon konsistigas plejgrandparte senhejmaj neaŭstrianoj (displaced persons), viktimoj de la milito vivantaj nuntempe en Aŭstrio.

**Al multaj skribintoj el Germanujo.**

Amasiĝas la leteroj de s-anoj el Germanujo al AEF, per kiuj ili petas sendi al ili E-lernilojn, gazetojn, legaĵojn k.s. esperantaĵojn. Kvankam AEF volonte apogus laŭpove la reviglĝantan E-movadon en Germanujo, ĝi tamen kun granda bedaŭro devas konstati, ke nuntempe ne estas permesate poŝte sendi presaĵojn el Aŭstrio al Germanujo.

Ni esperu, ke ĉi tiu malhelpo baldaŭ foriĝos kaj tiam ni volonte helpos laŭ niaj malfortaj rimedoj niajn germanajn samcelanojn por krei kaj fortigi ankaŭ pere de Esperanto vere demokratan spiriton inter la germana popolo.

**Niaj mortintoj.**

Mortis la 2. XII. 1946 nur 35-jara nia s-ano Alfred Pizl el Alt-Dietmanns, N.Ö., delegito de UEA. Li estis enterigita la 4. XII. 1946, en Groß-Siegharts. La aŭstria kaj internacia E-movadoj perdis en li fervoran esp-iston kaj kunlaborinton. Ni tenos lin en nia daŭra memoro.

**Efika propagando por Esperanto.**

En ĉiuj stacioj de la viena urbfervojo, en ejoj de multaj fabrikoj kaj aliloke pendas sur la afiŝtabuloj aŭ muroj afiŝoj mezure de 60×42 cm, kun grandlitera titolo: „Esperanto, la ŝlosilo al la mondo!" (titolo kaj cetera teksto nacilingvaj).

Ili efikplene allogas la preterpasantojn kaj atentigas ilin pri Esperanto. Tiaj E-murgazetoj novaperu laŭeble ĉiumonate. Eldonis ilin la administracio de la gazeto „Die Weltsprache" (La mondlingvo), kiu kunlabore kun AEF propagandas Esperanton.

La kuraĝa eldonanto, s-ano G. Katzianka, meritas nian dankon pro liaj iniciato, oferemo kaj lojala kunlaboro.

**Nian gratulon al s-ano direktoro F. Menacher.**

Nia tre ŝatata kaj laborema s-ano dir. F. Menacher, estrarano de AEF kaj vicdirektoro de Aŭstria E-Instituto, edziĝis kun s-anino Hruŝka. AEF, AEI kaj la redakcio de AER kore gratulas al ambaŭ kaj deziras ĉion bonan por la estonto.

**Laborista Esperantistaro „Nia vojo" — Wien XVI.**

Fine de la lasta grupvespero en 1946 estro k-do L. Sager priparolis la agadon en la finiĝinta jaro. En malgrandan, nehejtitan ejon la membroj devis kunporti eĉ lampojn kaj petrolon por la lumigado. Sed la grupo tamen kreskis dumjare malgraŭ tiuj malfacilaĵoj. Nun la grupo akiris pli belan hejmon, sed la ĝeneralaj cirkonstancoj bedaŭrinde ne pli boniĝis. Tamen la plej granda parto de la anaro restis fidela. La eksiĝintajn anojn anstataŭis novaj. La grupvesperoj okazis regule kun varia programo. La estro petis la anojn senlace daŭrigi la laboron por Esperanto, por ke „Nia vojo" restu unu el la plej aktvaj grupoj de AEF.

**Al la laboristaj esperantistoj aŭstriaj!**

En nia arikoleto en la revuo n-ro 4/5 1946 pĝ. 75, ni alvokis ĉiujn laboristajn esp-istojn membriĝi ĉe la Aŭstria Esperantistaro. Tiamaniere ni volas organizi ilin en aparta sekcio interne de AEF. La anoncoj ĝis nun ne estas kontentigaj, tial sendu tuj vian aliĝon al adreso de k-do Ludwig Sager, Wien XVI., Maderspergerstraße 14. Por administraj celoj estas necese pagi jarkotizon de nur ŝil. 1.20.

**La komunistaj esperantistoj unuanime por AEF.**

La 5an de Januaro 1947 okazis kunveno de komunistaj esperantistoj de Vieno. S-ano Heiderer raportis pri la nuna situacio de la Esperanto-movado en Aŭstrio. La kunvenintoj decidis unuanime subteni la Aŭstrian Esperantistan Federacion en ĝia superpartia aktivado, konstatante, ke ni sukcesos nur per unuigitaj fortoj — en lojala, demokrata kunlaboro — venkigi Esperanton. La esperantistoj komunistaj faros ĉion eblan por propagandi nian lingvon en siaj organizoj.

**E-grupo „Supren" —Wien III.**

Pro la nunaj eksterordinare malbonaj cirkonstancoj la grupkunvenoj okazas provizore nur ĉiun 2-an ĵaŭdon ĉiumonate je la 17-a h. en la kafejo „Nordkap", III., Landstr. Hauptstr. 6. Membroj vizitu vian grupon! Ankaŭ gastoj ĉiam estas bonvenaj.

**Esp. Soc. „Danubio"**, fondita en Nov. 1911 festis en Novembro p. j. sian 35-jar-jubileon en la „Figaro"-salonego, en ĉeesto de reprezentantoj de AEF de la Societo de E-Amikoj kaj de multaj vienaj E-grupoj. La enkondukan kaj salutparoladon faris s-ano dir. Kaftan, la sola vivanta kunfondinto de la societo. Pri la historio de „Danubio" parolis la nuna estro s-ano Rajmund Cech. Muzikaĵoj luditaj de s-anino Inge Michalicka, deklamoj de juna s-ano Walter Kinsky, recitoj de nia viena Esp.-poeto s-ano Alfred Schauhuber kaj alparoloj de reprezentantoj sekvis.

„Danubio" kunvenas ĉiun duan kaj kvaran dimanĉon en gastejo Zboril,

Wien VII., Sigmundgasse 14, je 10-a atm. Gastoj kore bonvenigataj. La nombro de anoj atingis jam 60, la libraro enhavas denove 400 volumojn.

**VIENA ESPERANTO DELEGITARO** estas la loka kaj landa organizo de la vienaj AEF-grupoj. Spite la konataj malfacilaĵoj okazis ĉiun unuan merkredon je 18-a ptm en la Esperanto-Centro kunsidoj, kiujn partoprenis la reprezentantoj de la vienaj AEF-grupoj „Centro", „Supren", „Verda Stelo", „Danubio", „Kaloszay", „Konkordo" „Libereco", „Harmonio", „Nia Vojo", „Laboro", „Antaŭen", „Amikeco", „Suno" kaj de la poŝtista, fervojista kaj instruista fak-grupoj. Goje ni ĉiam konstatis, ke malgraŭ la malfavoraj tempoj estis sciigitaj malgrandaj, sed tamen gravaj novaj sukcesoj. VED dediĉis la sumon de S 400.— al la propagandfonduso de la AEF.

Por la nova jaro 1947-a nin atendas novaj, gravaj taskoj kaj ni esperas, ke ankaŭ la ceteraj vienaj Esp.-grupoj ĝian agadon partoprenos. Al kunlaboro ĉe interesaj Radio-prelegoj, paroladoj en „Urania" kaj al preparo por la novaj ŝtataj Esp.-ekzamenoj ni bezonas multajn kunagantojn. Do neniu aktiva samideano hezitu kaj sin senprokraste anoncu!

R. Cech — afergvid. de VED.

**„HARMONIO", Wien XV.**

La Krampusan feston vizitis multaj geamikoj, entute 120. Prezentaĵoj plaĉis treege, ĉefe k-do Sager kiel kabareda parolanto. Internacian karakteron havis la festeto per ĉeesto de niaj ŝatataj geamikoj Clermont el Toulouse, kaj la hazarde en Vieno estanta samideanino Margareto Daems el Bruselo, kiuj ankaŭ parolis al la ĉeestantaro.

Geedziĝis niaj membroj dir. Franz Menacher kaj s-anino Hruŝka. Ni deziras longtempan feliĉon!

Kvin membroj el nia grupo faris la ŝtatan ekzamenon pri scio de Esperanto kaj parolkapableco kun distingo. Ni gratulas!

La grupo „Harmonio" okazigos novajn E.-kursojn ekde la 20. 3. 1947 por komencantoj kaj la 21. 3. 1947 por progresintoj, ambaŭ je la 19a horo.

**Tradukrondo de la grupo „Centro".**

Depost Oktobro 1946 funkcias grupo da 10—15 gesamideanoj, kiuj, gvidate de s-ro dir. Menacher kaj s-ano Werner, ekzercas tradukadon el la germana lingvo en Esperanton. Kvankam la plej multaj el la partoprenantoj estas jam sufiĉe lingvospertaj, tamen ne nur ili mem, sed ankaŭ malpli progresintaj esperantistoj povas partopreni kaj profiti la ekzercojn. La kunvenoj okazas ĉiun duan sabaton de la 17a ĝis 19a horo en la kunvenĉambro de la E.-Centro. Ĉiuj perfektiĝemuloj estas kore invitataj, partopreni la senkotize alireblan Tradukrondon.

**Poŝt- kaj telegrafista esp-ista fakgrupo**

La 6. XII. 1946 okazis la transkonduko de mortinta s-ano insp. Eduard Sykora, tre meritplena kolego kaj lerta esp-isto, de Neunkirchen al Vieno. Ĉe la entombigo en la centra tombejo de Vieno honoris lin per ĉeesto membroj de la p.k.t.-ista fakgrupo, de „Danubio" kaj de viena delegitaro. La E-movado kaj la kolegaro perdis en li tre valoran homon kaj ili tenos lin en daŭra memoro. La rekonstruita fakgrupo laboros en la senco de nia mortinta s-ano Sykora kaj esperas, ke ĉiuj gekolegoj esp-istaj kuniĝos en ĝi.

Samtempe ni sciigas, ke la estro de la fakgrupo, s-ano Janecka, estis eknomita ĉefdelegito por Aŭstrio de la internacia fakorganizo.

La 7. I. 1947 okazis komenca E-kurso en Wien XVIII., Weimarerstraße 7, ĉiulunde je la 16-a, aranĝita de la fakgrupo.

La estro de la fakgrupo esprimas al ĉiuj membroj la plej bonajn dezirojn por la nova jaro.

Ĉiujn informojn vi ricevos de la estro Johann Janecka, Wien XIX., Diemgasse 3, III/14.

**Fervojista fakgrupo esperantista.**

La 14. XI. 1946 okazis la plenkunveno, kiu elektis jenan estraron: Estro — Franz Presselmayer; sekretario — Josef Zink; kasisto — Josef Hawla; kontrolo — Josef Hüttinger. Delegitoj en la provinclandoj estas: Tirol — Hilkersberger Alois; Salzburg — Huber Johann. La ceteraj delegitoj por jenaj landoj nur estis proponataj de la estro kaj unuanime aprobataj de la ĉeestintoj: Oberösterreich — Sighartner Johann (Linz); Niederösterreich — Ullreich Rudolf, staciestro (Horn); Steiermark — Sauer Josef (Graz); Kärnten — Ramschak Alois. La fakgrupo decidis aranĝi en Aŭgusto 1947 renkontiĝon en kabano apud Landeck, Tirol. La grupon aliĝis ĝis nun 50 membroj. Komenca kurso okazas ĉiumarde, por progresintoj ĉiuvendrede. Kursgvidanto estas s-ano Josef Zink. La fervojistoj, poŝtistoj kaj telegrafistoj interkonsentis okazigi komunajn grupvesperojn ĉiun duan ĵaŭdon en la centro de AEF, Wien I., Neutorgasse 9. La kunvenon partoprenis ankaŭ poŝtistoj kaj telegrafistoj kiel gastoj.

**Leoben** — Steiermark. Jaŭde la 21. XI. 1946 kunvenis esp-istoj el Leoben en la lernejo por fondi E-grupon. La invitinto s-ano Fr. Schick raportis pri la faritaj antaŭlaboroj kaj proponis la grupfondon, kio estis unuanime akceptata. En la grupkomitaton estis elektataj jenaj s-anoj: Franz Schick, estro; Wolfgang Prieger, kasisto kaj Siegfried Kump sekretario. La grupo elektis por si la nomon „Kuraĝo“ kaj decidis aliĝi al Aŭstria Esperantista Federacio. Raporto pri aranĝita E-kurso ĉe „Freie österreichische Jugend“ (Libera aŭstria junularo) ĝoje estis akceptata.

Noto de la red.: Ni ĝojas, ke nun ankaŭ en Leoben troviĝas s-anoj, kiuj transprenis la kulturan laboron por Esperanto kaj deziras al la nova grupo plej bonan sukceson laŭ la devizo: Kuraĝe antaŭen!

**Ebensee** — O.-Ö. La unua komenca E-kurso finiĝis la 23. X. 1946. Grupestro M. Heißl gratulis al la partoprenintoj pro la bonaj sukcesoj kaj konsilis al ili ne ĉesigi la lernadon, sed daŭrigi la studadon de la lingvo por fariĝi veraj esp-istoj kaj invitis ilin regule partopreni la grupkunvenojn ĉiuvendrede en la gastejo „König“. Nova kurso frekventata de 21 personoj estis aranĝata sub la lerta gvidado de s-ro prof. Lezak la 4. XI. 1946 en hejtita ejo de „Solvaj Werke“, kiun la direktoro de la fabriko afable disponigis tiucele.

**Haugsdorf** — N.-Ö. Ĉeflernejestro dir. Alois Schneider instruas nun Esperanton fakultative en la 4-a klaso de la ĉeflernejo. La kurson partoprenas 26 gelernantoj el 7 diversaj lokoj kaj la entuziasmo provizore estas granda.

**Zamenhofa festo en Salzburg.**

E-grupo VERDA STELO, okazigis la 14. XII. 1946 en la gastajo „Nigra Urso“ Zamenhofan feston. S-ano instruisto Fötinger malfermis la feston per esperantlingva salutparolado. Krom la membraro li povis saluti kelkajn eksterlandajn samideanojn, multe da komencantoj kaj gastoj. Li ankaŭ esprimis la bedaŭron de ĉiuj s-anoj pri tio, ke nia ŝatata prezidanto d-ro Christanell estis malhelpata ĉeesti la feston. Poste la parolanto deziris al ĉiuj ĉeestantoj korprofundan edifon esperantistan dum la serioza parto kaj bonan amuzadon dum la gajiga parto de la festo, kaj petis s-anon dir. Sappl, fari la festparoladon. En flua entuziasma parolmaniero s-ano Sappl priparolis la vivon de nia majstro kaj la signifon de lia kreaĵo por la nuna tempo postmilita. Pro la kunesto de gastoj la parolado estis farita germanlingve, sed intermiksate per zorge elektitaj citaĵoj de Zamenhofaj vortoj. Dum la amuza parto faris artpentristo s-ano Deggendorfer komikan predikon en la stranga „lingvo Abc“. Prof. Zinnburg montris diversajn fakirajn artifikaĵojn, i. a. li trapikis sian brakon per pingloj, manĝis kudrilojn kaj maĉis akrajn razklingojn. Estis prezentata la teatraĵeto „La kanibaloj“.

Geaktoroj estis: W. Wespaletz (Eulalia), F. Noggler (Hans, edzo de Eŭlalia), F. Stegmüller (tribestro), H. Bachmayer und A. Huber (negroj). S-ano W. Kehldorfer montriĝis kiel lerta kaj sperta sorĉisto. S-ro Zinnburg denove montris hipnotajn eksperimentojn. Ĉiuj parolintoj kaj geaktoroj rikoltis fortegan aplaŭdon. Jen edifplenaj, jen humorplenaj forflugis la horoj. Je la 23.30-a fermis s-ano Fötinger la feston per instiga alvoko al fervora laboro kaj tosto je la nomo Zamenhof. Oni ekstaris kaj kantis la himnon. Tute kontentigitaj kaj plenigitaj de nova entuziasmo por nia sankta afero forlasis la festpartoprenintoj la klubhejmon.

**E-kluboj Kufstein kaj Wörgl**

aranĝis la 1. 2. 1947 E-feston kun tre varia programo, al kiu anoncis sin esp-istoj el ĉiuj lokoj de Tirol. Pri ĉi tiu renkontiĝo ni raportos en la sekvonta numero de Revuo pli detale.

**„LA KOSMOPOLITANOJ".**

Internacia Ligo de amikoj por mondpaco, mondinterkompreniĝo kaj mondregistaro, fondiĝis la 15 an de oktobro 1946 en Klagenfurt, Kärnten, Aŭstrio. „La Kosmopolitanoj" en siaj statutoj akcentas la neceson de mondkulturlingvo Esperanto por la pacpropagando.

Celoj de la Kosmopolitanoj estas: Varbi en demokrata maniero por mondpaco, mondinterkompreniĝo kaj federacia mondregistaro, konstruo de kulturinstituto por la edukado de veraj Kosmopolitoj.

„La Kosmopolitanoj" estas sendependaj kaj demokrataj. Ĉiu homo, sen diferenco de la raso, koloro, lingvo, nacio, religio, klaso kaj sekso povas aliĝi. Grupoj, kluboj, societoj kaj organizoj povas kolektive aliĝi kiel kulturaj, sociaj aŭ bonfaraj sekcioj. En tiuj ĉi kazoj ili pagas por ĉiu de siaj membroj monatan kotizon de nur 25 aŭstriaj groŝoj, en eksterlando la egalvaloron de afranko por du enlandaj leteroj. La Kosmopolitanoj apartenas je federacia bazo al la Movado por Mondoregistaro=Federal Union, World-government-House, New York. Ili baldaŭ aperigos monatan gazeton trilingvan (Esperanto, angla kaj germana). Individua monata kotizo estas 1 aŭstria ŝilingo.

Esperantistoj! Dependas de vi mem, ĉu vi havigos al Esperanto la necesan influon en la movado por mondpaco, mondinterkomprenigo kaj mondregistaro. Pripensu, ke ĉiuj Esperantistaj klopodoj estus vanaj, se nova, mondmilito eklplodus. Nur se la amasoj kunfandiĝas en la klopodo, krei pacan mondon, fariĝos la lingvo de tiu ĉi nova mondkulturo.

Tial ĉiuj organizoj ktp. aliĝu kolektive al „La Kosmopolitanoj". La statutoj estas haveblaj ĉe la ĝenerala sekretariejo: Klagenfurt, Henselstr. 1, Kärnten, Aŭstrio.

Adalbert Schwingshakl.

# Austria Esperanto-Instituto

**I. La lingva problemo de la landnomoj en Esperanto.**

La Aŭstria Esperanto-Instituto diskutis en siaj kunsidoj je la 9. 10. kaj 13. XI. 1946 la lingvan demandon pri la formoj de la landnomoj kaj fine decidis unuanime jenon:

**Lingva Rezolucio**

decidita en la kunsido je la 13a de Nov. 1946.

La Aŭstria Esperanto-Instituto laŭ propono de sia lingva sekcio opinias, ke la sola korekta sufikso por la formado de landnomo el la nomo de la popolo estas - u j o, kiu povas esti anstataŭata per la radiko „lando". Tial la Aŭstria Esp.-Instituto malkonsilas uzi la formojn Germanio, Francio k. t. p.

Rilate al la vortoj Aŭstrio, Aŭstrujo, aŭstria, aŭstra . . . oni devas decidi, ĉu oni uzu la radikon „Aŭstri", rilatantan al la lando, aŭ „Aŭstr", rilatantan al la popolo. Ambaŭ radikoj estas korektaj, ĉar oni povas derivi la landon el la popolo aŭ la enloĝanton el la lando, kio ofte okazas ĉe la landoj de la Nova Mondo.

La radiko „Aŭstri" estis jam uzata ekde 1908 en la aŭstria gazeto Informaj Raportoj kaj poste en „Germanaŭstria Esperantisto". Al Aŭstria Esp.-Instituto tiu uzo ŝajnas aprobinda, ĉar ĝi respondas al la internacia kutimo, derivi el la lando Aŭstrio la nomon de la enloĝantoj (angle: Austria, Austrian; france: Autriche, autrichien; germane: Österreich, Österreicher . . .)

Antaŭe oni ankaŭ trovis la radikon „Aŭstr" por la enloĝanto, ekzemple en Fundamenta Krestomatio „Aŭstruja farmakopeo". Sed tiu transiro de „Aŭstr" al „Aŭstri", farita jam antaŭ pli ol tridek jaroj, respondas al transiro, kiun faris la aŭtoro de Esperanto de „Brazil" (enloĝanto) al „Brazili" (lando).

Tial la Aŭstria Esperanto-Instituto provizore rekomendas la uzon de „Aŭstri" (lando). Kondiĉe, ke multaj aŭtoritataj esperantistoj montrus malkonsenton, la Instituto rezervas al si la rajton denove esplori la demandon.

*

Inter la provinco- kaj urbonomoj de Aŭstrio la A. E. I. trovis laŭ decido de la 9. X. 1946 konsilindaj nur jenajn Esp.-formojn: Vieno, Malsupra Aŭstrio, Supra Aŭstrio, Stirio, Karintio.

**Rimarkigo de la redakcio:**

Laŭ tiuj decidoj ni uzos en la Aŭstria E.-Revuo de nun nur jenajn formojn:

a) pri landnomoj ĝenerale: landoj, derivitaj de la popolnomo, estos nomataj per -ujo aŭ -lando;

b) pri Aŭstrio: (origina landnomo) ni uzos „Aŭstrio“, ne „Aŭstrujo“; sekve „aŭstria“, ne aŭstra“, „aŭstriano“, ne „aŭstro“;

c) pri partoj de Aŭstrio: ni uzos ĝenerale nur „Vieno“. La federaciaj landoj de Aŭstrio estu prefere nomataj per siaj germanaj nomoj; nur en tekstoj (ekz. en grupraportoj) ni uzos eventuale ankaŭ la kvar esperantigitajn formojn supre cititajn.

Aldona **rimarkigo** al a): Kvankam la pli granda parto de niaj kunlaborantoj pro praktikaj motivoj (plia internacieco, komprenebleco ĉe la poŝto k. c.) preferus la ĝeneralan uzon de la landnomoj je -io, ni volas tamen, pro disciplino al la internacia movado kaj lojaleco al la Lingva Komitato sekvi la supran deziresprimon de la Aŭstria E.-Instituto. Pro la nepra neceseco de unuforma lingvouzo ni petas ĉiujn samideanojn agi same.

Konsiderante unu specialan alskribon, kiu pledas por „Aŭstrujo“ pro politikaj motivoj, ni konstatas, ke la decido de AEI estas farita sole laŭ vidpunktoj lingvaj kaj iaj politikaj konsideroj ne povas havi lokon en ĝi.

**II. Literatura Konkurso.**

La Aŭstria Esperanto-Instituto en sia laborkunsido la 11an de Decembro 1946 decidis aranĝi literaturan konkurson pri du temoj:

Ie) plej bona traduko (t. e. plej fidela kaj stile plej bona) de „Urwaldfrieden“ de Rosegger laŭ la germana teksto represita malsupre;

IIe) plej bona originala priskribo de migrado sur aŭstrian alpomonton (en proksimuma amplekso de 2—3 maŝinksribitaj paĝoj).

Por ĉiu el la du konkursoj estas dediĉitaj 3 premioj: 1a premio: 50 ŝ, 2a premio: 30 ŝ, 3a premio: 20 ŝ.

Sola kondiĉo de partopreno estas membreco al AEF. Membroj de la Aŭstria Esperanto-Instituto rajtas partopreni, se ili ne apartenas al la juĝontaro; sed ili devas rezigni monpremion.

La konkursverkaĵoj estas sendotaj ĝis la 30a de Aprilo 1947 al la adreso de la Aŭstria Esperanto-Instituto.

Konsiderataj estos nur ensendaĵoj sen lingvaj eraroj.

La juĝantaro konsistos el trimembra komitato.

La nomoj de la premiitoj kaj la plej bonaj premiaĵoj estos publikigataj en Aŭstria Esperanto-Revuo laŭ ĝia disponebla loko.

# Urwaldfrieden

von Peter Rosegger.

(Aus den „Schriften des Waldschulmeisters".)

Mir ist es schon recht im Walde. Die wenigen Leute, die mich in den Wald gehen sehen, lugen mir nach und können es nicht verstehen, daß ich, ein junger Bursche, so in der Einschicht herumsteige. Ei ja freilich, ich werde von Tag zu Tag jünger und hebe an zu blühen. Ich genese. Das macht die frische, urtümliche Schöpfung, die mich umwebt.

Gefühlsschwärmerei treibe ich nicht. Wie er einzieht durch die Augen und Ohren und all die Sinne, der liebe, der schöne Wald, so mag ich ihn genießen. Nur der Einsame findet den Wald; wo ihn mehrere suchen, da flieht er, und nur die Bäume bleiben zurück.

Sie sehen den Wald vor Bäumen nicht. Ha, noch mehr, oder zwar noch weniger, sie sehen auch die Bäume nicht. Sie sehen nur das Holz, das zum Zimmern oder Verkohlen, das Reisig, das zum Besen dient.

Oder sie machen die grauen Augen der Gelehrtheit auf und sagen: Der da gehört in diese Klasse, oder in diese — als wie wenn die hundertjährigen Tannen und Eichen lauter Schulbuben wären.

Mir ist es schon recht im Walde. Ich will, solange ich ihn genieße, von seinem Zwecke, wie diesen Zweck die Gewinnsucht der Menschen versteht, kein Wort noch gehört haben; ich will so kindlich unwissend sein, als wär' ich erst heute vom Himmel gefallen auf das weiche, kühle Moos im Schatten.

Ein Netz von Wurzeln umgibt mich, teils saugt es aus der Erde seinen Bäumen die Muttermilch, teils sucht es den Moosboden und den Andreas Erdmann darauf mit sich zu verflechten. Ich ruhe sanft auf den Armen des Netzes — auf Mutterarmen.

Dunkel ist's, wie in einem gotischen Tempel; der Nadelwald baut den Spitzbogenstil! Obenhin ragen die hunderttausend Türmchen der Wipfel; dazwischen nieder auf den schattigen Grund leuchtet, wie in kleine Täfelchen zerschnitten, die tiefe Himmelsbläue. Oder es segeln hoch oben weiße Wölklein hin und suchen mich zu erspähen, mich, das Würmchen im Waldfilz.

Da flüstert es, da säuselt es; es sprechen miteinander die Bäume. Es träumt der Wald.

Eine schneeweiße, große Blüte weht heran; blühen die Nadelwälder denn nicht in den Blutstropfen ihrer purpurnen Zäpfchen? Woher die weiße Blüte? Es ist ein Schmetterling, der sich verirrt von seiner sonnigen Wiese und nun im Dunkel des Waldes angstvoll gaukelt.

All mein Lebtag habe ich keine so merkwürdige Webematte gesehen als dieses bunte, wunderbare Flechtwerk des Moosbodens. Das ist ein Wald im kleinen, und in dem Schoße seines Schattens ruhen vielleicht wieder Wesen, die wie ich das ewige Gewebe der Schöpfung betrachten. Hei, wie die Ameisen eilen und rennen, wie sie mit ihren haardicken Armen der kleinen Dinge kleinste umklammern, mit ihrem ätzenden Saft alles Feindliche zu vergiften meinen; sie wollen gewiß auch noch die Welt gewinnen vor dem Jüngsten Tag.

Ein glänzender Käfer hat ihnen lange zugesehen, er denkt verächtlich über die mühsam Kriechenden, denn er selbst hat Flügel. Jetzt flattert er übermütig empor, und funkelnd kreist er hin, und plötzlich ist er umgarnt und gefesselt in Stricken. Die Spinne hat an diesem Dinge schon lange still und emsig gearbeitet; ein Schleier, wie zarter keiner geflochten wird auf Erden, ist des strahlenden Käfers Leichenkleid geworden.

Die Vöglein im Geäste wollen auch ihr Kunstwerk stellen; sie flechten, wo das Reisig am dichtesten ist, aus Halmen und Zweigen ein Wiegenkörbchen für ihre liebe Jugend. Und wenn ihnen die Sonne just recht am Himmel steht, so singen und jauchzen sie bei ihrer Arbeit, daß es in allen Nadeln und Bäumen widerklingt, sonst aber hocken sie im Nest und schnäbeln und legen die zarten, buntstreifigen Eier.

Ich trete hinaus in die Lichtung. Ein zitternter Lufthauch rieselt mir entgegen, schmeichelt mit den Locken, küßt die Wangen, daß sie röten. Hellgrünes Heidegebüsch mit den roten Blütenglöckchen der Beeren hier, und dunkelglänzendes Preiselbeerkraut, der immergrüne Lorbeer unserer Alpen für den würdigen Dichter des Waldes, so einer zur Welt geboren wird. Die Waldbiene surrt herum auf den Sträuchen, und jedes Blatt ist für sie ein gedeckter Tisch.

An der Lehne neben Dornstrauch und wilden Rosen liegt, vom Sturme hingeworfen, seit vielen Jahren das Gerippe einer mächtigen Fichte, schier weiß wie Elfenbein. Hoch ragen die Wurzeln auf, wie einst ihr Wipfel, und eine Schnecke hat sich verirrt in einem starren Zweig der Wurzel hinaus und kann ihren Weg zum Erdreich kaum finden.

Wo kein Weg geht, dort geht der meine — wo es am steilsten ist, wo das Gefilze der Erlenbüsche und Dornsträuche am dichtesten ist, wo die Hundsbeere wächst, wo die Natter raschlt im gelben Buchenlaub des vergangenen Jahres. Wildhühner erschrecken vor mir und ich vor ihnen, und meine Füße sind das Elementarunglück der Ameisen, und mein vordringender Körper ist die Geißel Gottes der Spinnen, deren Bau zugrunde geht an diesem Sommertage.

Es ist eine Lust, so in die Wildnis zu dringen, ins Dämmerige und Ungewisse hinein; was ich ahne, reizt mich mehr als das, was ich weiß; was ich hoffe, ist mir lieber als das, was ich habe.

## III. Paroladoj en la „Centro".

La Aŭstria Esperanto-Instituto decidis akazigi ĉiumonate unu bonan paroladon en la kunvenĉambro de la Esperanto-Centro, Wien I. Neutorgasse 9. Ĵaŭdon, la 23an de Januaro, je la 18a, parolis s-ano d-ro Görlich pri „Misteroj de la mondhistorio", ĵaŭdon, la 27an de Februaro, je la 18a, parolos s-ino d-rino Flasch pri „La virino kaj la internaciaj problemoj", kaj ĵaŭdon, la 27an de Marto s-ano E. Werner pri „La stilo en Esperanto". Pluaj paroladoj estos ĝustatempe anoncataj. Ili estas libere alireblaj. Ĉiuj esperantistoj troviĝantaj en Vieno estas kore invititaj partopreni.

# INTERNACIA ESPERANTO-MOVADO

### INTERNACIA ESPERANTO-LIGO (IEL)

La provizora ĉefdelegito de IEL por Aŭstrio, s-ano Hans Zeller, Steyr, Schlüsselhofgasse 25, sciigas jenon:

En nia Revuo nro 4/5 bedaŭrinde troviĝis preseraro rilate la IEL-kotizon por 1947, ĉar la MA-kotizo ne estas kiel anoncite S 14.—, sed S 20.—. Por 1947 la kotizoj estas jenaj:

| | |
|---|---|
| MJ (membro kun jarlibro) . | S 8.— |
| MA (membro-abonanto) . . | S 20.— |
| MS (membro-subtenanto) . . | S 40.— |
| Patr. (patrono) . . . . . . | S 200.— |
| Abono de „Esperanto Internacia" (sen membreco) . . | S 15.— |

### La peticioj por UNO.

Al diversflankaj demandoj ni respondas, ke AEF ĝis nun kolektis proksimume 6800 petici-foliojn por la prezento al UNO kaj transsendis ilin al IEL. Sed laŭ lasta cirkulero de IEL la ĝusta tempo por la prezento al UNO estas ankoraŭ ne veninta. Dume la kolektado estas daŭrigata.

### Universala Esperanto-Asocio (UEA).

La ĉefdelegito por Aŭstrio, s-ano Raimund Cech, Wien VII., Lindengasse 8/11, akceptas aliĝojn al UEA. Jarkotizo por simpla membro ŝil. 6.—, kun abono al „Esperanto" ŝil. 13.— kaj por subtenantoj ŝil. 30.—. Ĉiujn informojn kontraŭ reafranko.

### 20-a KONGRESO DE SAT.

okazos de 2.—7. de Aŭgusto 1947 en Aarhus, Danlando.

Adreso de OKK: Prezidanto, k-do Magnus Jacobsen, Brendstrupvej 8, Aarhus, Danlando. Monon oni sendu al adreso: Organiza Kongresa Komitato 1947, kasisto Aabyhoj, (poŝtĝirkonto: 58.199, Kopenhago).

Kongreskotizo: 13 danaj kr. por SAT-anoj kaj 16 kr. por ne-SAT-anoj. Por aliĝintoj antaŭ la 1-a de Junio1947 la kotizo estas 10 dkr. resp. 13 dkr. En lando, el kiu ne eblas sendi monon, oni povas pagi la kotizon al la landa SAT-peranto, indikante por kio la mono estas destinita.

### Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT)

SAT-peranto por Aŭstrio estas k-do Ludwig Sager, Wien XVI., Maderspergerstraße 14, kiu kontraŭ reafranko volonte donas ankaŭ letere ĉiujn informojn kaj akceptas anoncojn. Precipe la iamaj SAT-anoj estas invitataj denove membriĝi.

Jarkotizo al SAT por Aŭstrio kun samtempa abono al „Sennaciulo" estas nur ŝil. 7.—. Anoncu vin tuj ĉe la peranto, kiu sendas al vi poŝtpagilon por la kotizo.

### Internacia Katolika Unuiĝo de Esperantistoj (IKUE).

La agado por revigligi la Katolikan E-movadon en Eŭropo estas ekprenata. La organo „Espero Katolika" aperas monate. Informojn donas LGC de Jong, Roelofarendsveen, Nederlando. Peranto por Aŭstrio: Walter Mudrak, Wien III., Beatrixgasse 19/9.

### Asocio de Laboristaj Esperantistoj en Nederlando

dissendis en Radio-stacio Hilversum la 14. XII. 1946 esperantlingvan paroladon teme: Memoroj pri d-ro Zamenhof. Parolis W. F. Kruit, deklamis A. L. de Bruijn.

### Junularkunveno internacia de TJO en Anglujo 1947.

„Tutmonda Junular-Organizo" okazigos sian ĝeneral-kunvenon en Ipswich, Anglujo. „La Juna Vivo", organo de TJO-Centro, West-Graftdijk, Nederlando, jarabono hol. guld. 1.50. Peranto de TJO por Aŭstrio: Joh. L.Germela, Wien III., Thongasse 5, III/12.

**La someraj E-kursoj en Doksy, Č.S.R.**

La plano por la someraj esperanto-kursoj en Doksy naskiĝis en la kapoj de s-anoj Spur kaj Solc. Ili meritas pro tio plenan laŭdon kaj rekonon.

Doksy estas urbeto enmeze de belega pejzaĝo en Ĉehoslovakujo. Ĝi estas ĉirkaŭata de arboriĉa valo kaj montetoj, kiujn superas monteto Bezděz (605 m). Sur ĝia supro leviĝas granda ruino de iama ĉeha kastelo Bezděz konstruita en la XIIIa jc. Kelke da paŝoj post Doksy, en belega ĉirkaŭaĵo troviĝas la granda verdeta Mácha-lago kun bonega sabla strando, kie la kursanoj banis, remis kaj Esperante babiladis, kiam la suno favoris la veteron.

La restado en Doksy estis jene aranĝita: ni loĝis en du grandaj hoteloj, parte en privatejoj. Antaŭ la 8a estis matenmanĝo. De la 8a—12a okazis en tri klasoj de la popola lernejo Esperanto-kursoj laŭ tri gradoj. Kurso A por komencantoj laŭ Ĉe-metodo, kurso B por progresintoj kaj kurso C por tiuj, kiuj volis pli perfekte studi Esperanton aŭ intencas fariĝi E-instruistoj.

La instruplano ampleksis gramatikon, literaturon, historion de Esperanto kaj la instruon, kiamaniere oni gvidu kurson laŭ Ĉe-metodo. La konata Radioparolanto, s-ano Slanina, gvidis oratoran kurson kaj la partoprenantoj estis devigataj paroli pri certa aŭ libervole elektita temo.

Inter alie estis aranĝata Esperantomondkongreso kaj la kursanoj devis parole imiti la delegitojn el diversaj landoj kaj fakoj. Ankaŭ tribunalo estis starigata, antaŭ kiu estis akuzata hotelisto, ĉar li la esp-istojn loĝantajn en lia hotelo profitavide regalis per tro malgrandaj porcioj kaj ilin malbone loĝigis. Sed li ne estis „kondamnata", ĉar li havis bonegan „advokaton".

Okazis ankaŭ prelegoj de la kursanoj ekz. kiel ili fariĝis esperantistoj aŭ kiamaniere oni plejbone varbu por Esperanto. Temo de deviga skriba tasko estis: „Kritiko de la kursoj kaj proponoj por la venontaj". La parolkapablon la kursanoj antaŭ la ekzamenantaro devis pruvi per duminuta parolado laŭ libera temo. La ekzamenantoj estis sufiĉe severaj kaj el la 80 partoprenantoj nur s-ano J. Valeŝ el Praha atingis ĉiujn postulitajn 30poentojn. La tri plej bonaj kursanoj ricevis kiel premion vitran facetitan pokalon.

Eĉ teatro estis ludita de la kursanoj. En la teatraĵo „Malamiko de virinoj" verkita de s-ano Slanina, komencantino prezentis la ĉefan rolon kun bona sukceso.

Iuvespere post mallumiĝo la gekursanoj komune iris sur monteton post la urbo, kie ni ĉe bivaka fajro kantis Esperantajn kaj ĉehajn kantojn, okazis diversaj prelegoj kaj poste ĉiuj bone amuziĝis ĝis noktmezo. Partoprenis ankaŭ dana studento de la altlernejo Arne Glud el Kobenhavn.

Entute la someraj kursoj en Doksy inter la 21.—31. VII. 1946 estis interesaj, variaj kaj la partoprenantoj multon profitis rilate al la lingvoscio. Antaŭ la kursfiniĝo venis la prezidanto de la landa Esperanto-asocio, s-ano Malik, al Doksy por kontakti kun la kursanoj kaj kun la Loka nacia komitato. Estis aranĝita laborkunsido en kiu oni decidis, ke la someraj E-kursoj en Doksy estu laŭeble konstanta aranĝo.

La E-asocio kiu aranĝis la somerajn kursojn kaj la instruistoj, antaŭ ĉio la s-anoj Spur, Solc kaj Slanina, kiuj lerte gvidis la tutan aranĝon, meritas la sinceran dankon de ĉiuj partoprenintoj. Tiaj kursoj vere povas esti modelo por similaj aranĝoj kreotaj tie, kie la cirkonstancoj tion permesas, ĉar nur tiamaniere iom post iom malaperos la „eternaj komencantoj" el la Esperanto-movado.

Čižek Jaroslav, Praha.

**Rigardo en la Esperanto-gazetaron.**

HEROLDO DE ESPERANTO — n-ro 9, 1946, aperigis alvokon al la espistaro tutmonda pri helpo por la malsatantaj s-anoj en Aŭstrio, Germanujo, Greklando, Hungarujo, Jugoslavio kaj Polujo.

FLANDRA ESPERANTISTO — n-ro 11, 1946, publikigis la bildon de la aŭstria Esperanto-centro en Vieno, ape-

rinta en Aŭstria Esperanto-Revuo n-ro 1, 1946, en bonega represo.

**SVENSKA ESPERANTO-TIDNINGEN** (La Espero), n-ro 11, 1946, menciis la starigon de ŝtata ekzamena komisiono por Esperanto en Aŭstrio kaj represis alineon el la artikolo en AEK n-ro 2/3: Pri la propagando.

**„KOMPRENI"** — aperanta en Lyon, en la n-ro de Dec. 1946 laŭde menciis la aperon de Aŭstria E-Revuo kaj konkludas el tio jenon: „Ni konstatis, ke niaj vienaj amikoj komprenis, kiel oni devas organizi la propagandan laboron por nia afero".

**„La Verda Flamo"** — Casablanka, Maroko, publikiĝis en n-ro 7/8, 1946, almozpetan leteron de la tielnomita E-grupo „Edelweiß" (Kärnten), pri kiu ni aliloke denove atentigas, ke ĝi ne estas E-grupo aŭstria, sed konsistas el eksterlandanoj (displaced persons).

**„Literatura Mondo" reaperis.**

Antaŭ ni kuŝas la unua kajero, duobla numero, 32 paĝa, presita sur bela, blanka papero, en formato Din A 4.

En enkonduka artikolo K. Kalocsay proklamas kiel ĉefan taskon de L. M. la kulturadon de nia Esperanta literaturo. Lia devizo, ke neniu lingvo povas vivi sen literaturo, estas certe konsentinda. La unua kajero do enhavas novelojn originalajn kaj tradukitajn el la angla, hungara, islanda kaj hina, raporton pri la Svisa Antologio (aperinta en 1939, nun denove havebla ĉe L. M.), originalajn poemojn de Kalocsay, Tárkony kaj Teo Jung kaj kelkajn tradukitajn poemojn el diversaj lingvoj. Krome prilingvajn artikolojn kaj recenzojn.

La tekstoj estas ĉiuj vere bonstilaj, indaj al la bona reputacio de L. M. Koncerne la neologismojn, pro kiuj oni ofte riproĉis la eldonintojn, la redakcio promesis provizore ne enkonduki novajn, ŝpareme uzi la jam provitajn, kaj prefere nur en poeziaĵoj. Kaj tiel estas. Sed ĉu ekzemple la originalaj, karakterize pentrantaj skizo-kantoj de Tárkony pri „La kvar mondregionoj" (Okcidento, Sudo, Oriento kaj Nordo) ne estas plej belaj ĝuste en tiuj partoj, kiu estas lingve plej simplaj, senneologismaj, kiel la jena:

Azio! Oriento!
Praa, mistera, sankta kontinento!
Kiom da rasoj de popolo
elĵetis via interna bolo
kiel kratero!
Kiom da gentoj naskitaj de via patrinutero
suĉas el via mamo abunda,
ho ujo de gentoj senfunda,
ho giganta, fabela pratero!

Por ke ankaŭ ne poliglotaj esperantistoj (kaj ĉu Esperanto ne estas destinita antaŭ ĉio por tiuj kiuj ne scias alian lingvon krom sia gepatra?), por ke do ankaŭ lingve ne eruditaj esperantistoj povu ĝui la literaturajn belaĵojn de niaj plej talentaj verkistoj, ni kuraĝas konsili al la eldonantoj, ke ili klarigu ĉiujn neologismojn, ne troveblajn en la Plena Vortaro, en aparta, ja ne tro longa listo je la fino de ĉiu kajero. Per tio L. M. povus pli facile populariĝi en Esperantujo. Kaj tio ja estas la celo de la eldonantoj kaj samtempe la danke rekonema deziro de ĉiuj kulturkonsciaj esperantistoj!

Pebe.

**Projektata Scienca Revuo.**

La Akademia Esperanto-Klubo en Praha, ČSR., klopodas pri la novaperigo de la iama Scienca Revuo kaj serĉas kunlaborantojn el scienca kampo. Estas bezonataj resumoj, tradukoj, recenzoj, originalaj artikoloj ktp. Interesiĝantoj komuniku, en kiuj fakoj sciencaj (matematiko, logiko, fiziko, kemio, biologio, sociologio, filozofio k. s.) ili laboras kaj el kiuj mondaj sciencaj revuoj kaj gazetoj ili ĉerpos la resumojn aŭ tradukojn. Adreso: Jaroslav Hanuš, Kladno 1997, Ĉehoslovakujo.

# Verbandsmitteilungen

**Die erste Staatsprüfung aus Esperanto nach dem Kriege.**

Die vom Bundesminister für Unterricht Dr. Felix Hurdes wieder eingesetzte staatliche Prüfungskommission hat vom 16. bis zum 18. Dezember 1946 die ersten Staatsprüfungen nach dem Kriege (nach einer neunjährigen Unterbrechung) abgenommen.

Der Direktor der Kommission, Sektionsrat Dr. Maximilian Führing, eröffnete die schriftliche Prüfung im Zeichensaal der Lehrerbildungsanstalt, Wien I., Hegelgasse 12, mit einer kurzen Ansprache. Er wies darauf hin, daß trotz der kurzen Zeit, die zur Anmeldung zur Verfügung stand, sich 17 Kandidaten zur Kenntnisprüfung und 1 zur Lehramtsprüfung gestellt haben.

Die anschließenden schriftlichen Arbeiten bestanden für die Prüflinge, die sich zur Kenntnisprüfung gemeldet hatten, aus einer Übersetzung aus der Krestomatio und einem freien Aufsatz. Die eine Hälfte der Kandidaten hatte zu übersetzen „Der Russe und der Tatar", die andere „Das Heim des Handwerkers". Für die Lehramtsprüfung war zu übersetzen „Zur Geschichte der Versuche über Weltsprachen von Leibnitz bis zur Gegenwart". Als Themen der freien Aufsätze in Esperanto waren für die Kenntnisprüfung zur Wahl vorgelegt worden: „Warum und wie erlernte ich die internationale Sprache Esperanto?", „Wanderung durch die Stadt nach dem Kriege" und „Feste der Liebe". Für die Lehrbefähigungsprüfung konnte gewählt werden: „Wie wird die Gemeinde Wien Esperanto verwenden können?", „Was bezwecken die Esperanto-Weltkongresse?" oder „Zamenhofs Gedanken über die Zukunft des Esperanto". Als pädagogisch-didaktische Aufsätze wurden für die Lehramtsprüfung gegeben: „Das Gedächtnis und seine Pflege" und „die Sprechübungen, Wert, Arten".

Die schriftlichen Prüfungen mußten bei eisiger Kälte gemacht werden; aber die Kandidaten harrten aus und lieferten zum Teil sehr umfangreiche Arbeiten. Es zeigten vor allem die freien Aufsätze einen hohen Stand des Könnens. Sie übertrafen fast durchwegs die Übersetzungen aus dem Esperanto, während es sonst bei Fremdsprachprüfungen umgekehrt ist. Das hängt damit zusammen, daß das Esperanto von den Lernenden bald praktisch verwertet werden kann — auch verwertet wird — sei es in den Gruppen oder im schriftlichen Verkehr mit dem Ausland, während in anderen Fremdsprachen ein mühseliges Hinüber- und Herüber-Übersetzen zum notwendigen Unterrichtsbetrieb gehört, denn nur so ist es möglich, das Können soweit zu fördern, daß es schließlich im mündlichen oder schriftlichen Verkehr mit dem Ausländer verwendbar ist.

Für die mündliche Prüfung stellte das „Centro" den geheizten Kurssaal zur Verfügung. Den Prüflingen wurde ein Esperantotext vorgelegt, der in gutes Deutsch zu übertragen und in Esperanto mit eigenen Worten wiederzugeben war. Daran schloß sich das Prüfungsgespräch, das sich mit dem vorgelegten Text, dann mit Erlebnissen des Kandidaten und Themen des täglichen Lebens befaßte. Erörterungen über die Gestaltung des Unterrichtes in Kursen und Fragen aus der Methodik des Esperantounterrichtes schlossen die Prüfung ab. Der Zweck dieses letzten Teiles der Prüfung war, die Prüflinge auch für die richtige Gestaltung des Unterrichts in den Kursen zu interessieren. Bei der Lehrbefähigungsprüfung wurde der Aufsatz **„Humanismo"** von Lidia Zamenhof einer eingehenden Erörterung unterzogen; die Prüfung aus der Sprachlehre befaßte sich mit den Zahlwörtern, insbesondere den unbestimmten Zahlwörtern, die Prüfung aus der Geschichte und dem Schrifttum des Esperanto war

in das Thema „Gefahren, die die Sprache durchlebte", eingekleidet. Die pädagogisch-didaktische Prüfung beschäftigte sich mit den „Vorstellungstypen und ihrer Bedeutung für den Sprachunterricht" und dem „Diktat im Esperantounterricht". Die Lehrprobe fand in der Esperantoklasse der Technischen Akademie in Wien IX. statt. Gegenstand der Lehrprobe war die Bildung von Haupt- und Eigenschaftswörtern (wechselseitige Beziehungen).

Die Ergebnisse der mündlichen Prüfung waren sehr zufriedenstellend; sie waren günstiger, als nach der langen Ruhepause erwartet werden konnte. Die Lehramtsprüfung wurde mit Auszeichnung abgelegt, von den 17 Kandidaten, die sich zur Kenntnisprüfung gemeldet hatten, trat einer zurück, 7 bestanden die Prüfung mit Auszeichnung. Das günstige Ergebnis ist darauf zurückzuführen, daß die Prüflinge fast durchwegs ältere Esperantisten waren und die meisten in den Gruppen eine besondere Schulung durchgemacht hatten. M. F.

Die staatliche Prüfungskommission für das Lehramt der Welthilfssprache Esperanto verlautbart:

**Esperanto-Staatsprüfungen**

im Frühjahr 1947.

Die Prüfungen für das Lehramt und den Nachweis der Kenntnis des Esperanto beginnen am 5. Mai 1947, um 8 Uhr früh, mit der schriftlichen Prüfung im Gebäude der Bundeslehrerbildungsanstalt in Wien I., Hegelgasse 12, und werden an den folgenden Tagen fortgesetzt. Die Zeit der praktischen und mündlichen Prüfung wird den Prüfungswerbern einzeln bekanntgegeben. Die nach § 4 der Prüfungsvorschrift belegten und mit einem 2-S-Stempel versehenen Gesuche um Zulassung zu den Prüfungen (Beilagen außer der Literaturliste 50-g-Stempel) sind bis längstens 12. April 1947 bei der Direktion der Prüfungskommission in Wien I., Minoritenplatz 5 (Bundesministerium für Unterricht), einzubringen. Die Prüfungsgebühr von 20 S für die Lehramts-, bzw. 10 S für die Kenntnisprüfung ist vor Beginn der schriftlichen Prüfung im Prüfungsraum zu erlegen.

Ein Verzeichnis der zur Vorbereitung für die Prüfung empfohlenen Werke samt der Prüfungsvorschrift und genauer Angabe der Prüfungsanforderungen ist vom Österreichischen Bundesverlag in Wien I., Schwarzenbergstraße 5, zu beziehen.

Anmerkung der Redaktion: Auskünfte über Prüfungsvorbereitung erteilt auch das Österreichische Esperanto-Institut, Wien I., Neutorgasse 9.

**Gründende Generalversammlung der Ö.G.d.F.d.E.**

Am 7. XII. 1946 fand die zahlreich besuchte gründende Gen.-Versammlung der Österreichischen Gesellschaft der Freunde des Esperanto statt. Diese wurde vom Obmann des Proponentenkomitees, Direktor Paul Glüxmann einberufen, um die Statuten der Gesellschaft ordnungsgemäß zu beraten und zu beschließen und das Präsidium auf demokratischer Grundlage zu wählen.

Dir. P. Glüxmann eröffnete die Gen.-Versammlung, begrüßte die erschienenen Teilnehmer, insbesondere die Delegierten aus den Bundesländern und andere Gäste. Vor Eingang in die Tagesordnung verlas Herr Rechnungsrat R. M. Frey eingelaufene Begrüßungsschreiben der Herren Bundesminister Dr. Hurdes, Dr. Heinl, Dr. Frenzel, Minister a. D. Dr. Perntner, Bürgermeister General Th. Körner, Vicebürgermeister P. Speiser, Stadtrat Honay, Hofrat Dr. Krogner u. a. (Großer Beifall.)

Nach einer Begründung des Zweckes der Gen.-Versammlung gab der Vorsitzende die Tagesordnung bekannt, welche einstimmig genehmigt wurde.

Auf Vorschlag des Wahlkomitees wurde unter stürmischem Beifall der Gen.-Versammlung Herr Sektionsrat Dr. Maximilian Führing, Direktor der staatlichen Esperanto-Prüfungskommission, einstimmig zum Präsidenten der Gesellschaft gewählt, welcher nach

Übernahme des Vorsitzes den weiteren Ablauf der Gen.-Versammlung leitete. Dr. Führing dankte für das ihm so einhellig ausgesprochene Vertrauen, entwickelte ein kurzes Tätigkeitsprogramm und versprach, nach besten Kräften mit den übrigen Mitgliedern des Vorstandes für die Ziele der Gesellschaft zu wirken. Vor allem wird er und der Vorstand Wert darauf legen, mit dem Österreichischen Esperantistenverband (AEF), wenn auch auf geteiltem Arbeitsgebiet, im besten Einvernehmen zusammenzuarbeiten.

Zu Vizepräsidenten der G.d.F.d.E. wurden gewählt die Herren Ferdinand Noggler, Salzburg, und Raimund Cech, Wien. Schriftführer: Herr A. Peterlik und Kassier Frl. Lisl Frey. Eine Reihe anderer Funktionäre ergänzt die Liste der Verbandsleitung.

Vizepräsident Noggler sprach ebenfalls zum Arbeitsprogramm und überbrachte die Grüße der Salzburger Freunde des Esperanto und der Esperantisten, die mit herzlichem Beifall aufgenommen wurden.

Unter großem Applaus wurde von Direktor Glüxmann ein Ehrenpräsidium der G.d.F.d.E. vorgeschlagen und einstimmig gewählt u. zw. zum Ehrenpräsidenten Herr Bundeskanzler Ing. Dr. L. Figl; zu Ehrenvizepräsidenten die Herren Bundesminister Dr. Hurdes, Dr. Heinl und Dr. Frenzel. Weiters wurde ein Ehrenausschuß aus einer langen Reihe prominenter Persönlichkeiten gewählt.

Unter den übrigen Punkten der Tagesordnung wurde auch beschlossen, den Titel des Verbandsorganes der G.d.F.d.E. „Der Österreichische Esperantist" abzuändern, da sich die Tätigkeit der Gesellschaft nicht auf die Esperantobewegung, sondern ihrem Zwecke nach auf Nichtesperantisten erstreckt und diese erst für Esperanto gewinnen will.

Um das freundschaftliche Nebeneinanderwirken in den Bestrebungen der G. d. F. d. E. und den Zielen des Österr. Esperantistenverbandes öffentlich aufzuzeigen, wurde als Sitz der Gesellschaft die AEF-Zentrale, Wien I., Neutorgasse 9, gewählt.

Die AEF ersucht daher alle ihr angeschlossenen E-Gruppen und Einzelmitglieder, die Tätigkeit der von Herrn Präsidenten Sektionsrat Dr. Führing geleiteten G. d. F. d. E. nach besten Kräften zu unterstützen.

**Neue Kurse des Esperanto-Instituts**

Das österr. Esperanto-Institut veranstaltet zur Ausbildung von Esperantolehrern und Vorbereitung auf die Staatsprüfungen für die Kenntnis des Esperanto sowie für die Lehrbefähigung ab Anfang März 1947 folgende Kurse:

1. Esperanto-Vervollkommnungskurs für Fortgeschrittene, zugleich Vorbereitung auf die staatliche Kenntnisprüfung: Montag, 17.30—19 Uhr.
2. Vorbereitungskurs für die Lehramtsprüfung im Herbst 1947 (Geschichte und Literatur des Esperanto, Pädagogik und Methodik des Esperantounterrichts; Voraussetzung: volle Beherrschung der Esperantosprache): Dienstag, 17.30 bis 19 Uhr.
3. Deutsche Sprachlehre für Nichtmaturanten. (Empfehlenswert nicht nur für Prüfungskandidaten, sondern auch für Kursleiter; der Kurs ist selbstverständlich auch Nichtesperantisten zugänglich.) Montag, 17.30 bis 19 Uhr.

Die Kurse 1 und 2 werden in der Form eines Seminars oder einer Arbeitsgemeinschaft geführt, wobei es den Teilnehmern ermöglicht wird, an sprachwissenschaftlichen Arbeiten des Esp.-Instituts mitzuarbeiten. Sämtliche Kurse stehen unter der Leitung von Mitgliedern der Staatsprüfungskommission und des österr. Esperanto-Instituts. Sie werden nur bei einer Mindestzahl von je 10 Teilnehmern abgehalten; es ist daher erforderlich, sich vorher im Zentralsekretariat, I., Neutorgasse 9, anzumelden.

Kursbeitrag für jeden Kurs (bis Ende Juni 1947) 10 S, zahlbar auch in Teilbeträgen.

Die Kurslokale (Schule, I., Renngasse 20, oder Zentralsekretariat) sowie der Kursbeginn, der von den Heiz-Möglichkeiten abhängt, wird den Teilnehmern rechtzeitig bekanntgegeben werden.

Als Studienbehelf für Prüfungskandidaten und Kursleiter ist eine Schrift in deutscher Sprache unter dem Titel „Grundsätze des Sprachunterrichtes für Esperantolehrer" vorbereitet und wird im Verlag „Tramondo" demnächst erscheinen.

Die Gruppen werden gebeten, für regen Besuch dieser Veranstaltungen zu werben.

**„Die Weltsprache".**

Eine neue Zeitschrift, verlegt von Dipl.-Ing. Zach und G. Katzianka, sprachlich geleitet vom Österr. Esperanto-Institut, Format der Aŭstria E-Revuo, 16 Seiten, wirbt für die Erlernung des Esperanto und bringt je einen leichtfaßlichen E-Kurs für Anfänger und Fortgeschrittene, nebst kleinen Erzählungen, Rätseln und Adressen für Auslandskorrespondenzen usw.

Die Zeitschrift, welche dreimal monatlich erscheint, kann allen Freunden des Esperanto und solchen, die Esperanto lernen wollen, bestens empohlen werden. Einzelpreis 60 Groschen. Abonnement: ¼j. S 5.—, ½j. S 9.50, ganzj. S 18.— bei der Verwaltung „Die Weltsprache", Wien IX., Roßauerlände 27. Bereits erschienene Nummern werden nach Maßgabe des Vorrates nachgeliefert. Esperantogruppen erhalten für jeden geworbenen Abonnenten einen Rabatt von 10% vom bezahlten Abonnementsbetrag.

**Esperanto-Wandzeitung.**

Von der Verwaltung der Zeitschrift „Die Weltsprache" wird eine E-Wandzeitung in deutscher Sprache, Größe 60×42 cm, herausgegeben. Die 1. Nummer trägt den Titel: „Esperanto, der Schlüssel zur Welt" und bringt als Illustration ein Bild vom Übersetzerbüro bei der Friedenskonferenz in Paris, dem modernen Sprachenbabel.

Diese Wandzeitung erscheint monatlich und wird Betrieben usw. und Esperantogruppen zu Propagandazwecken auf Wunsch kostenlos zugesendet von der Verwaltung „Die Weltsprache", Wien IX., Roßauerlände 27.

**Die Fähre.** Eine neue, illustrierte Zeitschrift, herausgegeben vom Burgenland-Verlag, Wien II., Taborstraße Nr. 10, brachte in ihrer 1. Nummer unter dem Titel: „Das Weltsprachenproblem" ein Artikel über Esperanto von Dr. E. J. Görlich. Ab der 3. Nummer erscheint ein Esperanto-Sprachkurs in der „Fähre" vom gleichen Verfasser. Wir empfehlen dieses unparteiische Blatt, das sich auch sonst für Esperanto einsetzt, allen unseren Freunden wärmstens.

**Der Student.** Organ der „Freien österr. Studentenschaft", Wien I., Schottengasse 7a, veröffentlichte in der Weihnachtsnummer einen ausführlichen Aufsatz über Esperanto: „Die Sprache der Verständigung", von Prof. Dr. Görlich.

**Klerusblatt** (vormals Kath. Kirchenzeitung), Salzburg-Riedenburg, herausgegeben von Professoren der theol. Fakultät Salzburg, veröffentlichte in der Nummer vom 18. Dezember 1946 einen längeren zustimmenden Bericht über den Stand der internationalen Esperantobewegung mit besonderer Berücksichtigung der katholischen E-Bewegung.

**Berichte und Informationen.** Wochenschrift des Österr. Instituts für Wirtschaft und Politik, Salzburg, Schwarzstraße 15, veröffentlichte in Nummer 33 unter dem Titel: „Das Latein der Demokratie" eine ausführliche Darstellung der internationalen Esperantobewegung unter besonderer Berücksichtigung Österreichs. Da die Redaktion in einer Vorbemerkung diesen Aufsatz von Dr. Görlich als Einleitung zu einer Diskussion betrachtet, ersuchen wir alle Freunde, ihre Meinungen an die Redaktion der genannten Zeitschrift zu senden.

**Zamenhoffeier in Landeck**

Die Esperantogruppe „Espero" hat im Verein mit der „Verda Junularo" am 16. Dezember 1946 eine Zamenhoffeier abgehalten. Hierzu erschienen 30 Mitglieder.

Unsere rührigen Gruppenführer, im besonderen sei mit großem Dank genannt die Heimmutter Anna Hilkersberger und der Heimvater Alois Hilkersberger, haben in längerer Vorbereitung und Liebe der kleinen Samideanoj der „Verda Junularo" gedacht und die Feier durch eine trotz der Notzeit liebevoll gedeckte Jausentafel mit je einem kleinen Geschenk verschönt und herzlich gestaltet.

Der Gruppenführer, unser Heimvater, gedachte in herzlichen Worten des verstorbenen idealen Meisters Dr. L. L. Zamenhof und unterstrich in beredten Worten das hohe Ziel der Völkerverbrüderung über Rassen-, Politik- und Religionsunterschiede hinweg und fand mit seinen Worten in den Herzen der versammelten Teilnehmer vollen Beifall.

So war diese erste Zamenhoffeier in unsrer neugegründeten Gruppe ein schöner Auftakt für ein gemeinsames Vorwärtsstreben im Sinne unseres Meisters Zamenhof.

Ein großer Teil der Mitglieder der „Verda Junularo" besuchte am Abend vorher die Zamenhoffeier in Innsbruck und verschönte diese durch Lieder und Gedichte.

**Oberpullendorf, Burgenland**

Am 1. Jänner 1947 hielt die Esperantogruppe und die Esperantofreunde von Oberpullendorf eine gut besuchte Versammlung ab, in welcher Prof. Dr. Görlich aus Wien über „Esperanto und der Weltfriede" sprach. Dann berichtete s-ano Koger über die Tätigkeit der Gruppe und richtete aufmunternde Worte der Werbung für Esperanto an die erschienen Gäste. Die Esperantisten und E-Freunde von Oberpullendorf beabsichtigen in der nächsten Zeit einen Ball und eine Theateraufführung zu veranstalten, was sie bestimmt wieder mit einer Werbung für Esperanto zu verbinden wissen werden. Wir können daher unserer rührigen burgenländischen Gruppe und vor allem dem rührigen Obmann s-ano Julius Rainer unsere volle Anerkennung zollen.

**Amerika.** Esperanto im Film. Esperanto hat nun auch in den Film Eingang gefunden. In dem amerikanischen Film „Der Weg nach Singapur" singen die beiden amerikanischen Filmstars Dorothy Lamour und Bing Crosby das originelle Esperantolied „Kajgun". In diesem Zusammenhang ist es auch interessant zu erfahren, daß maßgebende Männer der Paramount-Filmgesellschaft erklärt haben, daß Esperanto die am besten singbare Sprache ist. Übrigens sei den Verehrerinnen von Bing Crosby noch verraten, daß Bing mit großer Begeisterung das Esperantostudium begonnen hat.

**Bulgarien.** Es bestehen bereits wieder 56 Esperanto-Vereine im Lande. Das Informationsministerium subventionierte das Organ der bulgarischen Esperantobewegung „Internationale Kultur" mit 100.000 Leva und den Landeskongreß der bulgarischen Esperantisten mit weiteren 100.000 Leva. Weitere Subventionen erhielt die Esperantobewegung vom Nationalen Komitee der Genossenschaften (50.000 L), von der Gewerkschaft der Eisenbahner (30.000 Leva) und von der Gewerkschaft der Post- und Telegraphenarbeiter (30.000 Leva). Radio Sofia nahm Esperanto in sein Sendeprogramm auf.

**England.** Während einer Sitzung des Internationalen Frauenbundes, im April 1946, wurde eine Resolution angenommen, in welcher zur Erleichterung der direkten Zusammenarbeit zwischen den verschiedenen Nationen, Esperanto oder eine andere internationale Sprache zur Einführung in den Schulen als Lehrgegenstand empfohlen wird.

# Esperanto-libroj el Hungarujo

La eldonantoj de la fama „Literatura Mondo“ povas per hungara librovendisto liveri jenajn Esperantolibrojn:

| | Prezoj en usonaj dolaroj bind. | broŝ. |
|---|---|---|
| Julio Baghy: ***Viktimoj** | | 1.20 |
| K. Kalocsay: ***Lingvo, Stilo, Formo** | | —.60 |
| K. Kalocsay: ***Strecita kordo** | | 1.20 |
| K. Kalocsay: ***Eterna bukedo** | | 2.40 |
| K. Kalocsay: **Tragedio de l' homo** | | 1.— |
| K. Kalocsay:—Dante: **Infero** | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: **Arthistorio I.** | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: ***Parnasa gvidlibro** | | 1.— |
| E. Aisberg: **Fine mi komprenas la Radion** | | 1.40 |
| Bleier—Kökény—Sirjaev: ***Enciklopedio de Esp.** vol. I—II. ilustrita | 10.20 | 9.— |
| Sen ilustraĵoj, vol. I—II. | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): **De paĝo al paĝo** | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: **Dekdu poetoj** | 1.20 | —.75 |
| Jeluŝiĉ—Rotkviĉ: **Cezaro** | | 2.70 |
| Kamaryt—Ginz: ***Ĉehoslovaka antologio** | | 4.— |
| A. Munthe—Weleminsky: **Romano de San Michele** | | 2.70 |
| E. Wiesenfeld: **Verkaro de FEZ** | | 2.— |
| Van Loon—Saville: **Rigardu la teron** | 4.60 | 4.— |
| Bleier—Ĉense: **Ora libro de la Esperanto-movado** | | 1.— |
| Kalocsay—Baghy: **Arĝenta duopo,** jubilea libro, I-a volumo | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) | | —.50 |
| A. Baur: **Svisa antologio** | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: **Rimportretoj** | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: **Sorĉistino el Kastilio** | | 1.— |
| Grenkamp—Brzekowski: **Pri l' moderna arto** | 1.— | |
| K. R. C. Sturmer: **El la notlibro de praktika esperantisto** | | —.75 |
| T. Herzl—B. Selzer: **La juda ŝtato** | | —.90 |
| Slonimsky—Grenkamp: **Mia vojaĝo en Sovetio** | | —.75 |
| Adamson: **Auli** | —.80 | —.60 |
| I. Lejzerowicz: **El la verda biblio** | —.70 | —.40 |
| H. Seppik: **La tuta Esperanto** | | 1.20 |
| EMBA: **Maria kaj la grupo** | | 1.10 |
| Rilke—Münz: **Leteroj al juna poeto** | —.50 | |
| E. Privat: **Interpopola konduto** | 1.20 | |
| Jerome—Badash: **Tri homoj en boato** | | 1.40 |
| Kikuĉi—Simomura: **Amo de Tooĵuuro** | | —.40 |
| L. N. Newell: **Bakŝiŝ** | | 1.20 |
| H. Weinhengst: **Tur-strato 4** | 1.50 | 1.10 |

Tiuj ĉi libroj estas mendeblaj ĉe „Tramondo“, Wien I., Neutorgasse 9, laŭ la nuntempa kurzo 1 dol. = 10 aŭstr. ŝil. Por sendkostoj aldonu 10%; se vi deziras poŝte registratan sendon, aldonu 2.— ŝil. por unu pakaĵo. Por ne registritaj sendoj la liveranto ne prirespondas.

Rimarko: La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per *, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen surskribo.

Vbb (Zl. 3216/1947)

## Korespondado

Wer mit ausländischen Esperantisten korrespondieren will, sende seine Adresse und kurzen Korrespondenzwunsch an die Redaktion der A. E. R. Wir werden sie nach Maßgabe des Raumes veröffentlichen. Unua korespondanonceto dulinia por AEF-anoj senpage. Plua anonceto kaj por aliaj personoj kostas ŝil. 2.— aŭ 1 svis. fr. Ni petas, legeble skribi la adresojn!

Mallongigoj: L = letero; PK = poŝtkarto; PM = poŝtmarkoj.

**Aŭstrio.** — S-ro d-ro Lutz Kaspar, Pürgg, Ennstal, Steiermark, 72 j. eksjuĝisto, L pri ĉ. temoj ankaŭ kun komencantoj.

S-ro Ernst Dreßler, Ramsing n-ro 8, Post Gurten, Oberösterreich, L pri ĉ. temoj kun ĉiuj landoj.

F-ino Hildegard Winkler, Niederbreitenbach 55, Post Kirchbichl, Tirol, 27 j. kontoristino, L pri ĉ. temoj kun ĉiuj landoj.

S-ino Antonie Tempus, St. Veit a. d. Triesting, Niederösterreich kor. kun ĉiuj landoj.

S-ro Pitterle Leopold, Wien Holzknechtstraße 103, interŝanĝas PK ilustr. kun ĉ. landoj.

F-ino Anni Petrei, Graz, Stiegengasse 5, Steiermark, 19 j. studentino kor. kun gestudentoj.

S-ro Hans Heidlmeier, Wels, Neugasse 1, O.-Ö., mezlerneja prof. l. kun eksterlandaj kolegoj pri edukado, naturscienco, tekniko aŭ junularorganizado.

S-ro Anton Balague, St. Pölten, Kirchenweg 12, N.-Ö., interŝanĝas PM kaj gazetojn kun ĉiuj landoj.

**Francujo.** — S-ro Jean Raunier, Villa Gai Logis, Rue des Freres Platter, Montpellier (Herault), kor. kun aŭstr. s-ano aŭ s-anino aĝe 25 —35 j., ne komencantoj.

**Jugoslavio.** — S-ro Vladimir Mužić, Zagreb, Placo Marulić 14, kor. kun aŭstriaj s-anoj pri div. temoj, interŝ. PM.